Xa jaro. No 151 (15) ☆ Duonmonata ☆ 20 Aŭgusto 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . . . . . . . 2.— Sm. (5 fr. —)
Luksa eldono . . . . . . . . . . . 2.50 Sm. (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . **20 Sd.** (50 ct.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . **16 Sd.** (40 ct.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . **20 Sd.** (50 ct.)

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## AL NIAJ LEGANTOJ

*Dum la Naŭa Kongreso de Esperanto kaj la kvara Kongreso de UEA en Bern, ESPERANTO aperos* **ĉiutage** *kiel kongresa gazeto. Anstataŭ la ordinara N-ro de 5 septembro, ni je tiu dato sendos al ĉiuj niaj abonantoj la kolekton de la diversaj N-roj aperintaj dum la kongresa semajno. Tiamaniere niaj legantoj, tuj post la kongreso, ricevos pri la kongresaj okazintaĵoj detalan raporton, kiun ili estas petataj uzi por komunikoj aŭ prikongresaj artikoloj en la nacilingvaj gazetoj.*

*ESPERANTO.*

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# La Balkana krizo kaj ĝiaj internaciaj aspektoj

II

*Diplomatia aspekto.* — Je tiu vidpunkto la Balkana krizo estas speciale instrua. Certa fakto estas, ke la internacia agado estis tiuokaze tute senpotenca: ĝi sciis malhelpi nenion. Ĝia tasko, fiksita en la Berlina traktato de 1878, estis tamen klara; ĝi devis postuli la realigon de reformoj deciditaj kaj akceptitaj. Kontraŭe, ĝi permesis la ekspluatadon je Turkujo kaj politikon de premado kaj maljusteco: laŭ unuanima opinio, la Balkana milito estis la senpera konsekvenco de la agoj de l'Eŭropa diplomatio en la daŭro de la lastaj tridek-kvin jaroj.

De la tempo, kiam la Balkana konflikto fariĝis minaca, la interveno de la diplomatio ne estis pli feliĉa. Sufiĉas rapide rememorigi la sinsekvajn fazojn.

De aŭgusto 1912, la Balkanaj ŝtatoj kreas al la Turka registaro diversajn malfacilaĵojn. Grafo Berchtold invitas la regnojn, kiuj subskribis la Berlinan traktaton, interŝanĝi opiniojn pri la situacio de la Balkanaj provincoj de la Otomana Imperio. Tiun sugeston la diversaj registaroj favore akceptis por la formo. Oni rememoras la definitivan malsukceson de tiu provo.

De la 20 aŭgusto, la telegramoj de la agentejoj montras la eblecon de milito kontraŭ Turkujo; la 18 septembro, la kunligo de la Balkanŝtatoj estas publike konata; la 30 septembro Bulgarujo, Serbujo, Grekujo, Montenegro mobilizas. La grandaj regnoj fine decidas admoni la registarojn de la Balkanŝtatoj, kaj ilin informas, ke en okazo de venko, ili permesos pligrandiĝon de neniu el la venkintaj nacioj, kaj kontraŭstaros al la senposedigo de Turkujo. La 8 oktobro Montenegro deklaras la militon: du horojn poste, la diplomataro komunikis al la Balkanŝtatoj la noton pri la konservado de la *statu quo,* je kiu fine interkonsentis la grandaj regnoj. Ĝentila malakcepto estis la respondo de la Balkanŝtatoj; laŭ la kutima esprimo, la kancelarioj daŭrigis la konversacion.

La okazantaĵoj rapide sin sekvas; la 24 oktobro la Bulgaroj prenas Kirk-Kilisse, la Serboj kaj Grekoj sisteme progresas en Malnova Serbujo kaj Epiro; la 31 oktobro batalo ĉe Lule-Burgas. Dume, la agentejoj anoncas, ke „la ambasadoroj en Londono interŝanĝas vizitojn: la ĝenerala impreso estas, ke okazos momento, kiam oni devos agi senprokraste, se oni volas agi utile“.

Adrianoplo kaj Scutari estas sieĝataj. Francujo iniciatas komunan deklaron pri rezigno je ĉiu teritoria pligrandiĝo: ĝi havas la saman sukceson kiel la sugesto de S-ro Berchtold.

La 5 novembro Turkujo oficiale adresas al la grandaj regnoj peton pri pacperado. La 8 novembro Saloniko estas prenita. La regnoj „restas en intima kontakto; antaŭ ol alpreni decidon, ili atendas koni la detalojn de la intencoj de l'militantoj kaj la sekvojn de la milita situacio“.

La 14 novembro la regnoj proponas sian perecon: kiel respondo senperaj traktadoj komencas inter la Balkanŝtatoj kaj Turkujo; la 3 decembro militpaŭzo estas subskribita kaj kunvenas en Londono konferenco de la delegitoj de l'militantoj. La grandaj regnoj decidas, ke samtempe iliaj ambasadoroj kunvenu en Londono.

La Balkana konferenco estas interrompata la 6 januaro sen rezultato. Dume, la sintenado de Aŭstrio-Hungario timigas pri ĝenerala konflikto: persona interveno de l'im-

periestro estos necesa por restarigi relativan trankvilecon (4 februaro). La regnoj interkonsiliĝas denove, kaj sendas al Turkujo noton favoran je la Balkanaj pretendoj. La Turka registaro estas cedonta, kiam la revolucio de la Jun-Turkoj ĉion ree pridiskutigas. La diplomataro ne senkuraĝiĝas kaj, la 1 marto, sukcesas, ke Turkujo akceptu ĝian pacperadon. La 5 marto simila peto estas sendata al la Balkanŝtatoj. La 6 marto, la Grekoj prenas Janina'n.

La 14 marto, la Balkanŝtatoj jese respondas, aldonante al siaj antaŭaj postuloj peton pri milita monkompenso. La diplomatoj denove laboras, kaj la 22 marto sendas per Bulgarujo novan noton al la Balkanŝtatoj. La 24 marto Adrianoplo estas atakita, kaj la 26 ĝi kapitulacas.

La diplomatoj diskutas pri la limoj de Albanio kaj interkonsiliĝas por forpreni de Montenegro kaj Grekujo la teritoriojn, kiujn ili okupas. La Balkanŝtatoj koncentrigas sian penadon ĉe Ĉatalĝa. Por atingi la malsieĝadon de Scutari, la grandaj regnoj decidas fari militŝipan demonstracion! La paco baldaŭ konkludiĝos, sed ĉu ĝi estos konkludata per la regnoj aŭ senpere de la militantoj?

El tiu konciza raporto rezultas, ke la diplomatio havis sur la okazintajoj sensignifan aŭ nulan influon[1]. Ĉio okazis malgraŭ ĝi aŭ kontraŭ ĝia volo. La grandegaj militistaj fortoj, kiujn ĝi havis por trudi sian volon al la militantoj, permesis nek konservi, nek restarigi la pacon, kvankam la registaroj ne ĉesas proklami, ke por tiu celo tiuj fortoj estis organizitaj.

La Eŭropaj regnoj, kiuj aljuĝis al si la rolon de pacperantoj aŭ arbitraciantoj en la sangaj konfliktoj, ne povas plenumi tiun rolon. Por tio necesa estus senpartieco, kiun iliaj reprezentantoj ne povas havi: ili estas juĝantoj kaj partioj en la konfliktoj; tiu fakto paralizas la plej bonajn intencojn.

Oni devas ankaŭ noti, ke la fermita kaj speciala medio, en kiu la diplomatoj rekrutiĝas kaj vivas, havas influon sur ilia mentaleco; ili tradicie kredas, ke ili povas laŭ sia volo negoci la popolojn.

Necesa estus do profunda modifo en la elekto kaj edukado de la diplomataro. Aliparte, la metodoj kaj proceduroj aplikitaj devus esti tiaj, ke la kolektiva kaj internacia volo povu esti klare esprimata. Estas certe, ke la monda publika opinio evoluis trans la Mezaĝa reĝimo, sub kiu ŝajnas ankoraŭ vivi la oficiala diplomatio. Instinkte, la diplomatoj sentas, ke ili ne plu interpretas la popolan opinion; ilia nedecidemo kaj singardemo atestas iliajn ŝanceliĝojn.

Se ekzistas familio de la nacioj kaj se ĝi havas la taskon certigi la pacon inter siaj membroj, grave estas, ke ĉiuj povu interveni, kiam naskiĝas malfacilaĵoj inter du aŭ pluraj nacioj. Tiu vere internacia kunlaborado sin precipe trudas, kiam — kiel okazis en la Balkana krizo — ne sole la militantoj estas interesataj. Oni ŝajnas malatenti, ke tiaj krizoj havas de nun tutmondajn reagojn; la popolamaso suferas iliajn konsekvencojn tiel multe kiel la financistaj, registaraj aŭ politikaj rondoj[1].

Oni parolis pri premoj de la bankoj super la registaroj kaj de la registaroj super la bankoj, por malhelpi aŭ eviti la militon dum la lastaj okazintaĵoj. La popola voĉo ankaŭ aŭdigis sin kaj protestis kontraŭ la militemaj intencoj de certaj registaroj. Sed tiu agado ne estas organizita: ŝajnas, ke oni de nun devos klopodi por ĝin organizi. Jam ambaŭ Pac-Konferencoj, okazintaj en 1899 kaj 1907, havis malpli speciale diplomatan karakteron rilate al la reprezentantoj de pluraj landoj. Estos la tasko de unu el la venontaj kunsidoj de tiu konferenco, zorgi, ke ĝiaj membroj pli efektive reprezentu la publikan opinion, kaj etendi ĝian kompetentecon al paca solvo de konfliktoj, kiuj havas gravecon pli politikan ol juran. Sur tiu vojo estos eble, trovi internacian solvon de malfacilaĵoj similaj je tiuj, kiujn naskis la Balkana krizo kaj solvis la forto, ne la justeco.

Laŭ *H. L. F.*
Trad.[2] *A. R.*

[1] Tiu artikolo estis skribita antaŭ la dua Balkana milito. Oni povas aldoni, ke tiu lasta milito — ne malpli sanga ol la unua — estas nerekta rezultato de la diplomatara decido pri la kreo de Albanio. Se tiu lasta restus okupita de la Serboj kaj Grekoj, tiuj ĉi ne bezonus kompenson aliloke. La nuntempa kreo per diplomatara decido, de tiu ŝtato, nekapabla je memstara vivo, sendube rezervas novajn kaŭzojn de konfliktoj. Oni eĉ povas aldoni, ke se la traktato de San Stefano, subskribita post la Rusa-Turka milito de 1877, ne estus anstataŭita de la Berlina traktato akceptita de la Berlina konferenco, la unua Balkana milito kaj, tiom pli bone, la dua, estus evitita. La milito estas kruela, sed, intervenante poste, la diplomataro ofte elpensas kaŭzojn de novaj militoj, ne malpli kruelaj. La senĉesaj peradoj de Eŭropo estis tiel malutilaj al la Balkanŝtatoj kiel al Turkujo. *(Red.)*

[1] Ekzemple, la pligrandigo de la armeo en Germanujo, la trijara militservo en Francujo, pluaj impostoj en ambaŭ landoj, bankrotoj en Aŭstrio, Rumanujo, k. t. p. *(Red.)*

[2] El *La Vie Internationale.*



# SOCIA VIVO



## Al Bern

Kvin fojojn mi jam estis en Bern, kaj mi ĝin bone konas, ĉar S-ro Schmid mem, kiel Delegito de UEA, tre afable bonvolis min gvidi; eĉ miavice mi ankaŭ kondukis vizitantojn. Ju pli ofte kaj longe mi ĝin trairis, despli entuziasme mi admiris ĝin.

Bern, kantona kaj federacia ĉefurbo, estas enloĝata de 100,000 personoj kaj ĉiujare vizitata de preskaŭ 200,000. Kaj vere ĝi estas inter la plej interesaj svisaj urboj: Luzern, Schaffhausen kaj Basel.

Iu malamiko de Esperanto, S-ro A. Dauzat skribis[3]): „Bern estas unu el la plej karakterizaj urboj de Svislando: ĝi estas nepre la urbo de l'tradicioj, gardanta la komunajn glorojn kaj la federacian interkonsenton, la vivanta memorigo de la estinto, kies ruinoj kaj ŝtonoj havas lingvon kaj historion. En lando, kiu eniris tiel decideme la vojon al la progreso kaj al la sociaj transformoj, nenie la moderna renovigo estis malpli maldelikata, malpli atakis la antikvecon. Oni nur aliigis en pacajn promenejojn la malnovajn remparojn, kiuj superstaras la riveron Aar, sed oni lasis netuŝita la koron de l'civito." Efektive modernaĵoj kaj antikvaĵoj ĉie harmonie kunfandiĝas.

Elirinte el la stacidomo, trairu kun mi la Bubenbergplatz kaj la Christoffelgasse. Ni alvenas al la Kleine Schanze, unu el tiuj tiamaj remparoj, nun promenejo. Ni povas tie admiri la gracian rondmoviĝon de l' kvin mondpartoj ĉirkaŭ la terglobo: ĝi estas la monumento de franca skulptisto René de Saint-Marceaux al la Universala Poŝta Unio.

Bern ja estas la sidejo de sep plej gravaj internaciaj oficejoj. El ili, kvin estas oficialaj: la Internacia Oficejo de la Telegrafaj Administracioj (fondita en 1868), la Internacia Oficejo de la Universala Poŝta Unio (1874), la Oficejo por la protekto de la Industria Posedeco, la Oficejo por la protekto de la Posedeco de la Artaj kaj Beletristikaj Verkoj (1892), kaj la Centra Oficejo de la Internaciaj Transportoj de komercaĵoj per Fervojoj. Tiuj kvin oficejoj estas subtenitaj per subvencioj de ĉiuj civilizitaj ŝtatoj. Du aliaj estas neoficialaj, sed ne malpli gravaj: la Konstanta Oficejo de la

[3] *La Suisse illustrée*, Librairie Larousse, Paris.

Interparlamenta Konferenco, kaj la Internacia Oficejo de la Paco (1891). Bern estas do, kun Bruxelles, Paris kaj den Haag, unu el la plej gravaj mondurboj. En ĝi niaj IXa Universala kaj IVa Esperantia devas havi grandan efikon.

Sekvu min nun, vi ne bedaŭros. Ni jam ekvidas la Federacian Palacon. La okcidenta konstruaĵo (elkonstruita en 1867) enhavas diversajn ministeriojn. Sekvante la Bundesgasse, ni iras al la Bundesplatz, kaj kiam ni estas apud la Kantonalbank, subite dekstre ni ekvidas pordegon inter la konstruaĵoj, kaj tra ĝi ni vidas magian pentraĵon: malproksime staras monto tute verda pro arbaroj kaj herbejoj, kvazaŭ enkadrigita per la pordego. Ĝi estas la Gurten, sur kiun ni ekskursos la lastan dimanĉon de la Kongreso. Mi ne verkas gvidlibron; tion faris la Organiza Komitato; sed mi volis al vi konsili tiun vojon pro la rava surprizo, kiun vi havos.

Se ni trairas la pordegon ni alvenas sur la Parlamentejan Terason, de kie oni senlace rigardadas la blankajn Alpojn; de tie vespere oni ĝuas admire la faman „Alpenglühen“, fenomenon per kiu ĉe la sunsubiĝo la ŝtonegaj montsupraĵoj kovritaj de neĝo ĵetas fajroruĝan rebrilon, kaj iom poste orflavan kaj purpurviolan. La meza konstraĵo de la Federacia Palaco (1901) enhavas la Parlamentejon: „Curia Confœderationis Helveticæ“. En la orienta konstruaĵo, ĉe la Komerca Ministerio, S-ro Schmid kolektis la proponojn pri reformo de l' kalendaro, inter kiuj multaj estis redaktitaj en Esperanto.

Proksime de la Federacia Palaco, estas la Kazino superstaranta la riveron Aar. En tiu luksa konstruaĵo, estos organizitaj la akceptejo, la ekspozicio, la vendejo; tie okazos la solenaj kaj laboraj kunsidoj de la IXa Universala kaj de la IVa Esperantia. Sed la fakaj kunsidoj havos lokon en la Nova Universitato, sur monteto malantaŭ la stacidomo.

Antaŭ la Kazino, la ponto Kirchenfeld kondukas al la Historia Muzeo, tre vidinda. En tiu kvartalo sur la Thunplatz, oni vidas monumentan fontanon neordinaran. Ĝi estas parto de la fasado de l' Malnova Universitato, kies rektoro antaŭ tridek jaroj estis nia neforgesebla D-ro Dor; ĝi staris antaŭe en la centra urbo; oni ĝin malkonstruis, zorge ordigante ĉiun ŝtonon, kaj oni ĝin poste rekonstruis sur tiu loko. Proksime de la Kazino staras la Ĉefpreĝejo, bela gotika monumento, kiun superas 100 metrojn alta sonoriltturo, arte ornamita.

La ĉefa strato, kiu kondukas de la stacidomo al la Bärengraben (ursfosaĵo), estas nepre originala. Preskaŭ ĉio konserviĝis senŝanĝe el la Renesanca epoko. „Mi ne konas ekzemplon de strato tiel longa, konstruita saminspire kaj en kiu neniu noto interrompas la harmonion, la artan opan impreson. Deirante el la ponto Nydeck super la Aar, tiu vojo, kiu estas 16 metrojn larĝa ne enkalkulante la subarkaĵejojn, etendiĝas laŭ longo de 1500 metroj.“ [1] La plej bela ornamaĵo de tiu strato kaj de kelkaj aliaj estas la dektri malnovaj fontanoj: fontanoj de l' Sakflutisto, de l' Pafistoj, de la Infanmanĝanto, de Samson, de l' Justeco, de l' Pafarkisto, de l' Kuriero, kaj aliaj, kaj de la Ursoj. Ĉar la Ursoj estas la skulpta, pentra kaj viva simbolo de Bern. Ĉie oni vidas tiujn simpatiajn bestojn. Kaj neniu fremdulo forgesas viziti ilin persone ĉe la Ursfosaĵo.

Preskaŭ ĉiupaŝe oni renkontas ion interesegan, kaj enui oni ne povas en Bern. Cetere la Organiza Komitato bonege zorgis pri niaj distraĵoj. Do ni rapidu nun al Bern!

*L. Poncet* (Del. Lyon).

---

[1] Dr. *Anheisser*, Histoire de l'architecture en Suisse.

# Notoj pri Svisujo

## IV

Multaj eksterlanduloj ankoraŭ imagas, ke Svisujo estas pure agrikultura lando. La Svison ili prezentas al si en bildo de montano, kiu paŝtas siajn bovinojn kaj fabrikas fromaĝon. Tiu bildo de longe ĉesis esti vera, aŭ, pli ĝuste, ĝi prezentas nur unu aspekton de la vero. En la daŭro de la lasta jarcento la granda industrio en frapanta maniero disvastiĝis en Svisujo, precipe en la germana parto. Minoj ja tute mankas, sed dank'al la monteco de la lando la akvoforto estas abunda. La industrio aliparte respondas al la praktika iniciatemo de la popolo. Nuntempe preskaŭ la duono de la svisa loĝantaro sin okupas pri industrio. La kantono Zürich fabrikas silkŝtofojn kaj maŝinojn, Basel silkaĵojn, kantono St. Gallen brodaĵojn kaj kotonaĵojn, Ĝenevo aŭtomobilojn, la Jurasa montaro kaj Ĝenevo horloĝojn. La ĉokolado, la kondensita lakto, estas ankaŭ gravaj eksportartikoloj.

Flanke de tio la agrikulturo kaj la brutedukado, favorata de multaj paŝtejoj, estas prosperaj. Bovoj kaj fromaĝoj estas grandakvante eksportataj.

Kiel elementon de riĉeco por la pli granda parto de la lando oni devas noti ankaŭ la hotelan industrion. La naturaj belaĵoj de Svisujo ĉiujare allogas milojn da fremduloj, tiom pli ke preskaŭ ĉie estas komfortaj kaj ĉiuprezaj hoteloj. Ĉiuj regionoj de Svisujo estas vizitindaj de la amanto de naturbelaĵoj, sed kelkaj kiel la Berna Oberlando, la Valisaj Alpoj, la Ĝeneva Lago, la Lucerna Lago, Engadino kaj Ticino estas speciale favorataj de multegaj vizitantoj. Interlaken, Zermatt, Montreux, Luzern, St. Moritz, Lugano, estas fremdulejoj, kies nomo transpasis la limojn de Svisujo. Sed se konsilon mi povas doni, mi diros al la fremduloj, kiuj volas havi klaran ideon pri Svisujo: „Restu, se vi volas, unu tagon en tiuj famaj lokoj, por kontentigi tiun eron de snobismo, kiu estas en ĉiu homo, kaj rapidu al lokoj malpli laŭdataj de la prospektoj. Ekzistas en Svisujo ankoraŭ multegaj vilaĝoj sen kurshalo kaj palac-hotelego, kie po honesta prezo vi povos trankvile ripozadi ĝuante la naturbelaĵojn kaj spirante puran aeron, ne tedate de itala orkestro, de poŝtkart-vendistoj aŭ de arogantaj hotelpordistoj. Poste vizitu kelkajn urbojn, kiuj ankoraŭ konservis vere svisan karakteron, kiel Bern, Thun, Solothurn, Schaffhausen, Luzern. Se vi ŝatas urbon de severmora aspekto, iru Basel'on, se vi preferas ĝojan atmosferon veturu Ĝenevon, se vin interesas industria moderna urbo, vizitu Zürich'on. Sed precipe ne serĉu Svisujon en la grandaj hoteloj, kie estas plenumataj ĉiuj ridindaj ritoj de la monduma vivo.“

Plej facile estas vojaĝi tra Svisujo. Densa fervoja retaro ĝin kovras. Preskaŭ ĉiu valo havas sian fervojon. Alpojn traboras tri grandaj tuneloj de monda graveco: Gothard, Simplon kaj Lötschberg. La montaj fervojoj, kiuj al nemarŝemuloj aŭ al kripluloj, permesas atingi altajn montosuprojn, eĉ glaciejojn, estas multnombraj. Sur la malmultaj vojoj ankoraŭ sen fervojo veturas malkaraj poŝtveturiloj. Rilate al la poŝtaj komunikoj Svisujo prezentas bonege funkciantan servaron. Ĉiu vilaĝeto havas poŝt- kaj telegrafoficejon [1]).

Kiel ni diris en antaŭa artikolo, gravaj politikaj demandoj kaj eksterlandaj prizorgoj estas en Svisujo malmultaj. La aŭtoritatoj do ĉefe sin okupis pri la plibonigo de la publikaj servoj kaj de la instruado. La popola instruado estas ĉie disvastigata. Ĉiuj infanoj, eĉ en la montaj regionoj, vizitas la unuagradajn lernejojn, devigajn kaj senpagajn. Kolegioj kaj gimnazioj por la duagrada instruado estas multaj kaj

[1] Pri tiuj diversaj praktikaj detaloj, vidu en *Oficiala Jarlibro de UEA*, paĝ. 278—280.

malkaraj. Fine, sep universitatoj kaj Federala Politeknika Lernejo (en Zürich) disdonas la superan instruadon. Atentinda estas la fakto, ke, krom la Politeknika Lernejo, la tuta instruado estas prizorgata de la kantonoj; ĝi do ne estas unuforme organizata por tuta Svisujo, sed varias laŭ la regionaj kondiĉoj. Multaj fremduloj vizitas la superajn instituciojn (precipe slavoj), flanke de kiuj estas granda nombro de fakaj lernejoj.

Se malpli mezurata estus la spaco, mi ankoraŭ povus paroli pri la literaturo kaj la artoj, kiuj havis eminentajn reprezentantojn inter la Svisoj. Arkitekturo, pentrarto kaj skulptarto estis ĉiutempe kulturataj. En la literatura fako, pro sia trilingveco, Svisujo ne havas ĝustadire propran literaturon, sed ĝi donis bonajn verkistojn al la germana, al la franca kaj al la itala literaturoj. Interesajn specimenojn de la popolaj artoj oni povas vidi ĉe la Nacia Muzeo en Zürich kaj en multaj urbaj muzeoj.

Pro sia teritoria malgrandeco kaj politika neŭtraleco, Svisujo neniel povas ludi la rolon de granda regno — tian rolon ĝi cetere tute ne envias —, sed en la internacia vivo, ĝi, kiel Belgujo kaj Nederlando, estas ofte elektata por sidejo de internaciaj institucioj. Bern posedas plurajn internaciajn oficialajn oficejojn, kaj en diversaj svisaj urboj estas la centrejo de multaj internaciaj organizajoj. Pro tio ankaŭ la kongresoj ŝatas kunveni en Svisujo, kie ĉiuj gentoj povas kunvivi trankvile, en reciproka tolerado.

La Esperantistoj post nelonge diros, ĝis kia grado tiu konfido montrata al Svisujo, estas pravigata. *H. H.*

---

## Popola instruado en Rusujo

II

Krom regnaj (neekleziaj) porinstruistaj lernejoj, ekzistas ankoraŭ la *ekleziaj* porinstruistaj lernejoj, duaklasaj lernejoj (6 jaroj de lernado; en unua jaro oni instruas legi kaj skribi) kaj eklezi-instruistaj seminarioj; la lastaj estas efektivigitaj nur komence de 1912. La duaklasaj elementaj instruistaj lernejoj preparas la instruistojn sole por la tiel nomitaj „alfabetaj“ (plej elementaj) lernejoj, kiuj prezentas nur la plej mizeran parodion de veraj popolaj lernejoj. La ekleziaj seminarioj por instruistoj preparas siajn edukitojn por esti instruistoj en ekleziaj parohaj lernejoj, sed ili ekzistas de ne longa daŭro, kaj ne havis tempon por doni multe da instruistoj. Krom tio ili, kiel ankaŭ la regnaj laikaj, estas gvidataj kaj aranĝataj tre malbone. Tiamaniere la porinstruistaj lernejoj ne kontentigas la kondiĉojn kaj postulojn de racieco kaj nuntempeco. Krom tio dank'al la rutineco de pedagogiaj kaj didaktikaj scioj, la lernejoj preparas ne verajn pedagogojn, sed rutinulojn. Ni povas diri, ne konfuzante la veron, ke la instruisto, fininte la instruistan seminarion, estas devigata tute mallerni ĉion, kion oni instruis al li en la *alma mater*. Kiam tia instruisto eniras en sian unuan lernejon por instrui la aliajn, dum siaj unuaj paŝoj li absolute ne scias kion fari, kiel agi, per kio komenci sian noblan laboron. Fariĝinte la edukisto de la popolo, konscience plenumante sian laboron, la instruistoj ĉiupaŝe renkontas multe da malfacilaĵoj. Aliparte, loĝante en malproksimaj vilaĝoj, veraj „ursaj anguloj“ kaj „lupaj lokoj“, la rusaj geinstruistoj ofte sentas akre sian izolecon de l'vivo kaj mondo; ili soifas interŝanĝi siajn opiniojn kun aliaj homoj, ne nur celante — kiel diras rusoj — „ripozigi la animon“, sed ankaŭ por renovigi siajn konojn, konatiĝi kun ĉiuj novaĵoj de sia specialeco, kun novaj prilaboritaj, eltrovitaj metodoj de l'pedagogia agado, pri novaj instruiloj k. t. p. Jen la kaŭzo, kial en 1870 estis aranĝitaj — kun permeso de la diversaj estraroj — kunvenoj de geinstruistoj por interŝanĝado de opinioj kaj ideoj, pridiskutado kaj solvo de diversaj nekompreneblaĵoj, duboj, nescioj, demandoj rilataj al pedagogio kaj meminstruado. En 1882 oni permesis aranĝi „nelongedaŭrajn pedagogiajn kursojn“ kun la celo konatigi la malbone kaj malmulte preparitajn geinstruistojn pri la plej bonaj rimedoj kaj metodoj de instruado, por renovigi kaj kompletigi iliajn konojn de la sciencoj, kiujn ili instruas. Sed kvankam ĝoje estis por instruisto interŝanĝi pensojn kaj opiniojn kun liaj kamaradoj, kvankam estis agrable eĉ ne longe foriri el la „ursaj anguloj“ kaj „lupaj lokoj“ kaj vivi la vivon de kultura homo en kultura urbo, tamen ne ĉiuj entuziasmiĝis, ĉar la kondiĉoj en kiuj okazis la agado de la kursoj estis tre ĝenantaj. Oni permesis al la geinstruistaro pritrakti nur la pure pedagogiajn demandojn; malpermesite estis — sub minaco de fermo de la kunveno — pritrakti la demandojn pri la jura situacio de la instruistoj. Tamen ĉi tiuj demandoj ĉu antaŭe ĉu nun tute ne perdis sian akrecon kaj signifon. La senrajteco de nia popola instruisto estas rimarkinda; mizera estas lia situacio. La administracio ankoraŭ nun atente kontrolas tiajn kunvenojn. Ĉiufoje kiam la geinstruistoj nur ektraktas demandojn „elirantajn el la sfero de ilia kompetenteco“, la polica reprezentanto avertas la kunvenon kaj iafoje eĉ ĝin tuj fermas. Krom tio en tiuj kunvenoj ordinare ĉeestas la lernejaj inspektoroj, kiuj reprezentas la ministerion de publika instruado; ili ankaŭ konstante kontrolas la laborojn de la kunvenoj, penante „teni ilin en la mallarĝaj kadroj de l'akademiismo.“ La plej bonaj kaj energiaj geinstruistoj estas ordinare ne allasataj ĉeesti la kunvenojn, kiel netrankvila elemento; la kompetentuloj, kiuj povus utiligi siajn konojn en la kunvenoj, ankaŭ estis malofte invititaj kaj allasitaj. En 1899 aperis la novaj regularoj pri kunvenoj, sed ili estas ankoraŭ pli severaj. Fine post 1905, kiam aperis la provizora regularo pri societoj, la instruistoj povas, laŭ sia propra deziro kaj iniciato, aranĝi kunvenojn, sed sub tia aŭ alia preteksto la administracio ofte ne donas la permeson. Unuvorte, la registaro ne favoras la instruistojn, kiuj, tenante en siaj manoj la instruadon de milionoj da junuloj, povus eduki en ili ne nur la humilecon kaj obeemecon, sed ankaŭ la spiriton de vera libereco kaj sendependeco. Pro tiu kaŭzo ankaŭ la pedagogiaj kursoj en la komenco ne havis grandan signifon por la geinstruistaro, ĉar iliaj programoj estis limigitaj sole en la kadroj de speciale didaktika laboro: la instruistoj donis la diversajn provlecionojn, kaj poste en apartaj konferencoj la provlecionoj estis pritraktataj de ĉiuj kursanoj kune kun la kursgvidantoj, kiuj plejmulte estis nur oficistoj de la ministerio.

Nur lastatempe, post la liberiga epoko de 1905, aperis la porinstruistaj kursoj de tute nova tipo, kiuj celis doni ne nur pedagogiajn, sed ankaŭ ĝeneralajn konojn. La kursoj okazas ordinare dum la somera libertempo. Certe dum tiuj unu aŭ du monatoj, malfacile estas ricevi plenajn sistemajn konojn. Tamen eĉ dum tia mallonga tempo, la instruistoj ensorbas sufiĉe multon, kaj la plej grava estas tio, ke ĉiu kursano ricevas la puŝon, la deziregon, la soifon plue meminstrui sin kaj pliperfektiĝi kiel en sfero pedagogia tiel en la sfero de l'scienco. Krom tio la interŝanĝo de ideoj kun kamaradoj plifortigas la spiriton, enfluigas viglecon, kaj ekflamiĝinte per la fajro de Prometeo la instruisto veturas hejmen plena de nova forto por kontraŭbatali la popolan malklerecon. La plej bone organizitaj kaj multnombraj kursoj estas en Peterburgo (ili estas aranĝitaj en la universitato sub la gvido de plej bonaj kaj spertaj lektoroj kaj pedagogoj), en Moskvo kaj ankaŭ en kelkaj aliaj grandaj guberniurboj. Multaj kursoj estas aranĝitaj de la Zemstvoj (provincaj memadministradoj) kaj eĉ de aliaj privataj organizaĵoj.

La kursoj ludas gravan rolon por la rusaj geinstruistaroj, subtenante ilin morale kaj ilin armante per la potenca glavo de la scio, per kiu ili dishakos la Gordian nodon de la popola malklereco kaj malfermos al la rusa popolo la larĝan vojon al la progreso kaj vera libereco.

*P. Bezrukiĥ,* instruisto.

Artikolo speciale verkita por la Esperantistaro

Trad. *I. Seriŝev* (Del. Krasnij Jar).

---

## Ĉirkaŭ la Breslaŭaj ekspozicioj

La fremdlanda samideano, kiun mi plezure gvidadis sincere miris. „En mia lando", li diris „oni apenaŭ lernas la nomon de Breslaŭ en la lernejo". Lia miro aliformiĝis ĝis kompleta admiro je ĉiu plua paŝo, kvankam li depost sia esperantisteco jam kutimis dumvojaĝe rigardi multajn mondajn belajojn. „Tiu ĉi nacia entrepreno ja verdire estas tute internacia", li ĝoje aldonis. Prave, en la ekspozicio partoprenis ja krom germanaj ankaŭ *rusaj*, *aŭstriaj* kaj *svedaj* muzeoj, kortegoj kaj privatuloj, sendinte multegajn kaj valorajn memorigilojn pri la militoj kaj kulturo de antaŭ cent jaroj. Preterirante la festan kaj la ekspoziciajn halojn, li rapide ekkonis la *italan* stilon ĉe la laŭbsimila duonronda trairejo, kun ĝiaj flirtantaj rampajoj de vinberplantoj. La diverskoloraj rododendroj ĉirkaŭe apud kvieta klara lago — simile al granda suna okulo — naskiĝis en Nederlando. — Malantaŭ la „pergola" estas instalitaj en abunda parka verdajo la historiaj kaj multcelaj modernaj ĝardenoj. La tuta aranĝo ja ne estas kreita sole por revivigi la pasintecon, ĝi vidigas signifoplenan parton da nuntempa germana kulturo, kreskinta kaj pliigita ĉefe dum la lastaj senmilitaj jardekoj. Ni trairis ĝardenetojn, ŝtonegajn kaj fruktajn ĝardenojn; ĉiuj pruvas ne nur la depost Rousseau ĉie predikitan „reiron al la naturo", sed ankaŭ jam la retrovon de ĝi. „Kie estas volo, tie estas ankaŭ vojo" diras germana proverbo, kaj varma estas la volo, disponigi al la gejunularo publikajn lokojn por ludado, florkulturado kaj fortikiĝo en freŝa aero. Modeloj de lernejaj ĝardenoj kaj de tiaj laŭ la socireformulo Schreber eksterurbaj kaj malmultekostaj, vekas ĉies intereson. Artan disdividadon de l'spaco, la uzitecon de diversaj floroj kaj plantoj oni povas lerni kien ajn oni direktas sin.

Vera juvelo estas la *japana* ĝardeno. La granda intereso, kiun la tiom alikulturaj Eŭropanoj dediĉas al tiu ĉi malproksima regno decidigis la estraron plantigi la japanan ĝardenon. Malvastaj vojetoj kaj pontetoj kondukas nin preter enriveraj granittabuloj. Pigmeajn arbojn, malgrandegajn lagojn, malgigantajn rokomontojn ŝatas la Japano. Jen bambua laŭbeto kun tegmento el dika plektaĵo, jen roka groto en la ombro de ĉiamverdaj kamelioj kaj kornaceoj. Insuleto plena je multspeca tiulanda floraro prezentas sin kiel paradizo por abeloj kaj papilioj. La unuan fojon mi aŭdis la amindan samideanon duonvoĉe mallaŭdi ion. Estis, ĉar por Eŭrope grandaj kaj pezaj botoj la vojetoj ne konvenas; li endanĝeriĝis aŭ puŝe disrompis la dismetitajn porcelanajn vazojn kaj kalikojn aŭ enpenetriĝis en la piedvestojn malfalsan japanan akvon. Ŝajne li ne ŝatis tian eksterordinaran ĝuon, kaj savis sin lertsalte en la teejon. El graciaj tasetoj ni trinketas, kaj subite mia amiko elvokas: „Jen, rigardu, tie transe iretas sur altaj ŝuoj en multkolora kimono, juna japanino — kun sia dolĉa mallarĝa vizaĝeto mem simila al ĉarma floro!" Nenion mi vidis, sed povis plene kompreni, ke enprofundiĝante en tian medion oni povas havi vizion.

Karakterize estas, ke de ĉiu loko sin prezentas alia nova aspekto, vidiĝas aliaj arbogrupoj formantaj kvazaŭ kadron por parto de l'ĝardenoj. Netuŝita de foriĝantaj jarcentoj restis la japana ĝardenarto, dum la eŭropa respegulas la ŝanĝon de l'kultura kaj gusta stato. Tion evidentigas la historiaj ĝardenoj kiuj — tiaj estas ses — estas rekonstruitaj en la ekspozicio.

En la tempo de Tacitus, kiu priskribis la malnovan Germanujon kiel landon riĉegan je praarbaroj, jam ekzistis plantoj taŭgaj por ornami ĝardenojn. Sed neniu ilin kulturis ĝis kiam per la influo de la Romanoj novaj fruktoj kaj floroj enkondukiĝis kaj hejmiĝis. Alte disvolviĝinta jam estis la tiam depost jarcentoj ekzistinta itala ĝardenarto; tion pruvus la multaj latindevenaj nomoj botanikaj en aliaj lingvoj. La popolmigradoj poste parte diskonigis la sciojn pri ĝardenkulturo, parte detruis la jamajn plantejojn. Unu el la germanaj gentoj, la Frankoj, elmigrinte okcidenten kaj suden, aliĝis al la popoloj regataj de Karlo la Granda; tiu reĝo kun forta potenco reformis ĉiujn leĝajn kaj sociajn aferojn kaj ordonis la konstruadon de ĝardenoj en ĉiuj partoj de sia grandega regno. Li kaj lia filo, Ludoviko la Pia, do estas la verdiraj fondintoj de germana ĝardenkulturado. Kronologie ni do rigardu unue la Karlidan ĝardenon. Fidele laŭ reĝa ordono, tie estis plantitaj nur sanigaj legomaj kaj fruktaj plantoj, mankas ankoraŭ la ornamaj. Ĉar la ĝardeno estas monaĥeja, ĝi enhavas tombejaron por la fratoj — ĉio modestega, primitiva.

Rapide ni trairas la jarcentojn: El la oficistaro de Karlo la Granda evoluis la vasalaj kavaliroj; kamparanojn kaj ĝardenistojn ili konsideris kiel siajn subulojn. Sed ĉar la nobeloj revenintaj de la krucaj militiroj kaj interrilatintaj kun la pli klera franca nobelaro kunalportis pli delikatan kulturon, ili kreis ĝardenojn, indajn je belaj noblaj virinoj, kaj ne nur utiligajn. En la urba muzeo de Frankfurt am Main troviĝas el 1410 ĉarma pentrajo de tiama kastelĝardeno. Laŭ la gotika stilo ĝi estas malvasta, ĉirkaŭita de kastelmuro, sed sur herbajo — kian prikantis Walter von der Vogelweide — jam floras (bedoj kaj vojoj tiam mankis) multaj ornamaj floroj.

En la venonta jarcento pli potencaj fariĝis la urboj, pli kleraj la urbanoj, komercistoj kaj metiistoj. Junaj burĝidoj migris Italujon pro studado kaj hejmen alportis gravajn sciojn, admiradon pri la antikva kulturo kaj ĝojon pri ĉio bela. Tiam en 1588 respektata Breslaŭa kuracisto Laŭrentius Scholz, studinta en Padova kaj Bologna, konstruis la unuan botanikan ĝardenon. La scienculoj kaj elegantuloj tie kuniĝis pro florfestoj. Hiacintoj, tulipoj kaj de la Turkoj al Eŭropo enportitaj plantoj, same terpomoj kaj tabakoj tie troviĝis la unuan fojon.

Baldaŭ la itala renesanco estis forpuŝinta la gotikan pintecon. Kelkaj germanaj princoj venigis italajn arkitekojn por akiri laŭmodajn ĝardenojn; ekkonebla kiel renesanca ĝardeno, la kvina tuj estis al mia multvojaĝinta gasto pro siaj rektaj vojoj, severe arkitekture disdividitaj verdajbedoj kaj regula surplantiteco — cetere pro la terasforma konstruaĵo, tiel nomata „belvedere".

Baroka ĝardeno el 1700 karakteriziĝas per siaj troaj ornamajoj kaj strangeco; en la imperia el 1813 malaperis la kolormulteco, kaj kvieta, bongusta ĝardeno — la unuan fojon kun arbetajo — kreiĝis.

Mia amiko dankante pro miaj klarigoj finrondigis ilin kaj rimarkigas, ke en la nuntempo la stilo de la ĝardenoj estas prefere angla. Tiel interparolante ni pluen marŝas por fari malgrandan ekskurson al la Afrikaj kolonioj. En la kolonia ekspozicio denove prezentiĝas abundo da impresoj. Estas montrate, kiel oni ekstermas praarbaron por havigi lokon je la fervoro de nutrigaj plantoj, de kotono kaj utiligotaj lignoj. La „tropikaj" plantoj estas admireblaj en vitrohalo.

Kvankam lacega, mi ankoraŭ volis montri al S-ro — ne, la nomo estas sekreto, li vojaĝis „inkognite" — la ekspozicion por tombeja arto, sed li strikis, parte pro la multegeco da vidindaĵoj jam „konsumitaj", parte pro kaŭzo jenmaniere esprimita de li. „Mi estas vivjesanto, mi volus kiel lastan hodiaŭ impreson bildon kiel tia." Li montre etendis la manon en la direkton kie du arkformaj pontoj kondukas al la „amuzaja parko". Feste vestitaj homoj kvazaŭ fluis torente de kaj al la amuzejoj; superbriligite de la lastaj sunradioj, centoj da flagoj flirtis kaj salute sin movis al susuranta aeroplano super niaj kapoj.

Eksteren irante ni adiaŭis ankoraŭ de la gigantaj laŭroarbaj piramidoj, devenintaj el *Belgujo*. Ridante mia samideano elvokis: Vi Breslaŭanoj havas la plej grandan festhalon de la tuta mondo kun la plej granda orgeno, vi plantis tie ĉi 70.000 rozojn kaj eĉ 120.000 tulipojn, via japana ĝardeno estas la plej granda en Eŭropo — via „rekordado" estas ja nepre *angla!*"

Tiamaniere li kompletigis la internaciecon en la Breslaŭa ekspoziciarejo.

*Julie Wolfson* (Breslaŭ).

## La ekonomia estonteco de Kaldeo.

II.

En la delto de Tigro kaj Eŭfrato ne pluvas de majo ĝis oktobro. La kresko de la riveroj okazas de marto ĝis majo. La superakvoj alvenas iafoje tiel subite, ke en la momento de la neĝfandiĝo, Tigro kaj Eŭfrato fariĝas veraj torentoj, kiuj kaŭzis gravajn katastrofojn notitajn de la historiistoj. Aŭtoro, kiu dum kvardek jaroj loĝis la provincon Bagdad, skribas:

„La akvokresko okazas dum la monatoj februaro, marto kaj aprilo. Nur tiam Tigro faras servojn al agrikulturo. Sed tiu kresko povas ankaŭ okazigi grandajn malfeliĉojn, ĉar iafoje okazas, ke la riverego, subite ŝveligita de la akvoj, kiuj alvenas de la nordo formante rapidegan fluon, rompas la kanaldigojn kaj disverŝiĝas en la kulturejojn. Estas jaroj, kiam la urbo Bagdad mem estis duondetruata aŭ estis plene endanĝerigata."

En la tempo de la kalifoj, multaj barajoj estis starigitaj por reguligi la akvon kaj faciligi la terakvumadon. Bedaŭrinde, de longe tiuj barajoj estas detruitaj; nuntempe restas nur kelkaj postesignoj. La akvumado okazas nun laŭ primitiva sistemo kaj en malbonegaj kondiĉoj. Tio estas unu el la ĉefaj kaŭzoj, kial granda parto de la tiel fruktodonemaj teroj de tiu provinco restas nekulturita. La socia kaj ekonomia stato de la Babilonio dependas de la akva reĝimo, t. e. de la prizorgado de la kanaloj, de la senĉesa kontrolado de Eŭfrato kaj Tigro; tion bone komprenis la antikvuloj.

Se ni supreniras ĝis la regado de Hammurapi, t. e. 2000 jarojn antaŭ Kristo, ni vidas prosperan Babilonion, bone akvumitan. En letero skribita en kojnoformaj tipoj kaj konservita ĉe la Brita Muzeo, la reĝo ordonas al la guberniestro de Larsa lavigi la kanalon D. En tiu tempo, la projektoj de balotreformo estis flanke lasataj; la regnestroj zorgis pri la prospereco de siaj regatoj. La reguligo kaj la administra organizo pri la akvopolico kaj la oficistoj komisiitaj por la prizorgado de la kanalo en tiu tempo estus temo de vere interesa studo. Kio okazis en tiama Kaldeo sendube iom similas al la reguloj nun aplikataj en kelkaj provincoj de Hispanujo kaj en Centra Azio.

Ĉiuj reĝoj de la unua Babilona dinastio havis la koran deziron donaci al sia lando kanalon, kiu havos ilian nomon. La kronologiaj dokumentoj, kiuj klasigas la jarojn laŭ la citindaj okazintaĵoj, notas: tia jaro de reĝo X, kiu fosis la kanalon nomitan X. Tiel, iaj kontraktoj ne estas datitaj de la naŭa jaro de Hammurapi, sed de la jaro, kiam tiu aŭ alia kanalo estis fosita laŭ la ordono de la reĝo.

Ĉiuj nacioj, kiuj sekvis la Babilonianojn, honorigis la racian akvumadon. Aleksandro la Granda, dum inspektvojaĝo, sekvis la linion de la kanaloj sur barko, kiun li mem direktis. La Sassanidoj, la Araboj endigigis la riveregojn, sanigis la marĉojn, transformis nudajn lokojn en ravajn ĝardenojn. Riĉaj urboj fondiĝis, Bagdad, Kufa, Wasit kaj Bassora, ĉiuj urboj de la *Mil kaj unu noktoj*. La arabaj historiistoj rememorigas tiun prosperecon. La manufakturoj de Bagdad estis famaj. Oni venis el tre malproksime por aĉeti la famajn koloritajn silkojn kaj ĉiuspecajn teksaĵojn. Kufa estis la centro de daktileksportado; tre konataj estis ĝiaj violesencoj. Ĉu oni devas citi Anbar, kies nomo „la Grenejoj" atestas la prosperecon kaj kiu estis granda urbo, je la epoko de la Abassidoj. Tradicio rakontas, ke en Anbar Nebukadnecar enfermis la Judojn.

Tiel aspektis iam tiuj regionoj. Nun, la kanaloj estas parte plenigitaj, la digoj kaj la barajoj falis, grandaj marĉoj, lokoj de febro etendiĝas ĝis la Persa Golfo. Nomadaj gentoj tie vivas el rabado, kaj senĉese militas unu kontraŭ la alia. La turka registaro havas nenian kontrolon pri ili kaj serene konsideras la dekadencon de tiuj teritorioj, kiuj iam konis tiel prosperajn tagojn. La instruoj de la antikva tempo estas por ĝi seninfluaj.

*(Daŭrigota.)* *Alfred Boissier.*

Trad.[1] A. R.

## La Ritma Edukado

Ree pilgrimadis multegaj gastoj el ĉiuj partoj de la mondo al la „alta domo sur la monteto" en *Hellerau*,[2] ĉe la hejmo kreita al la kulto de la ritmo, al la karaktereduko laŭ ritmaj principoj, kiel ĝin elpensis, aplikis kaj donacis al la mondo la genia muzikisto Emile Jaques-Dalcroze. Kaj ree la lernejfestoj pruvis evidente, ke en la metodo, uzata de la majstro por la eduko de infanoj kaj de plenaĝaj personoj kaj aplikitaj en la prezentaĵoj dum tiuj festoj, kuŝas mirinda forto, perceptebla nur ĉe la persona interkonatiĝo kun tiu ĉi metodo. Nur kiu vidis, kiel plenkonscie jam geknaboj de eble 8 ĝis 10 jaroj taktsignis laŭ muziko, ĝis tiam nekonata al ili, nur kiu povis observi, kiel ili mem elpensis ritmojn kaj taktsignis, kiel iliaj korpoj same bone obeis al la plej kapricaj ŝanĝoj en la ritmo de sammomente aŭdata muziko, kiel la spirito mirinde estis kapabla percepti tiujn multegajn impresojn, *nur tiu* povas kompreni la grandan edukan influon de la metodo Jaques-Dalcroze. En la prezentadoj de plenaĝaj personoj oni vidis la aplikon de la konoj akiritaj per la metodo — tute senerara kantado de nur jus skribite vidita melodio, daŭrigo de kantitaj skaloj post sufiĉa interrompo, memstara improvizado de certe pli ol la kutima laŭlerneja valoro pruvis, ke la lernantoj de Jaques-Dalcroze krom siaj profitoj rilate al la karaktereduka do ankaŭ multon gajnis por la muzikstudado. Oni eĉ povas aserti, ke baldaŭ — kiam la kompreno de la Dalcroze-metodo estos atinginta ankoraŭ pli vastajn rondojn — oni konsideros edukon laŭ tiu ĉi metodo la nepra kondiĉo por efika muzikinstruado artista. Kaj kiu valoras por la unuopa persono, taŭgas kiel eduka rimedo por la amasoj. Amasoj de homoj sur scenejo teatra nur malofte faras la impreson de viva vereco — aŭ ili estas tro senordaj, tro negvidataj, aŭ oni en ĉiu paŝo rimarkas la ordonon de la reĝisoro. Dalcroze evitas ambaŭ malagrablaĵojn — liaj aktor-

[1] El *Journal de Genève*.

[2] Vidu N-rojn 132, 133, 137 kaj 144 de *Esperanto*. Pluaj artikoloj sekvos.

amasoj, aperantaj sur la scenejo dum la prezentadoj de *„Orfeo kaj Eŭridike“* plenkonscie agadis en ĉiu paŝo, en ĉiu movo de korpo aŭ brakoj. Kiel tio ebliĝis? Simple per tio, ke ĉiu el ili plene perceptis la plej internan sencon de ĉiu vorto de la teksto same kiel la intencon de la muzikverkinto, de la granda Gluck, ĉe ĉiu noto de la muziko. Sekve de tiu ĉi plena kompreno de la ludotaĵo la impreso de la amasaj scenoj estis vere grandioza, ekzemple la terure furiozaj moviĝadoj de la ombroj kaj furioj ĉe la enirejo en la subteran mondon; kontraŭe la feliĉoplena, trankvilega bildo de la feliĉegaj spiritoj en ĉielaj kampoj. La belega verko do prezentiĝis en kiel eble plej harmonia maniero, la Orfeo, kantita de Emmi Leisner, el Berlin, kaj Eŭridike (Erna Freund, Dresden) trovis por siaj altartistaj majstraĵoj la iel penseble indan fonon. La danko de publiko ne mankis — post momento de respekta silento ĉe la fino de la verko, kiu cetere konforme al la antikva legendo finiĝis en Hellerau per la morto de Eŭridike kaj la al morto kondukanta malespero de Orfeo, ne finiĝanta aplaŭdo vokis la aktorojn kaj ilian inspiranton, majstron Jaques-Dalcroze. Ĉiu ĉeestanto de la lernejfestoj atestis, kaj eĉ skeptikuloj devis konfesi, ke la metodo denove montriĝis valora en diversaj direktoj: ĝenerale kiel edukado de la karaktero, speciale kiel instigo al pli interna kono de ritmo kaj muziko por la unuopa individuo kaj por la samcele agantaj amasoj, valora por muzikstudado kaj teatra arto. Dezirinde estas, ke ĉiam pli kaj pli disvatiĝu en la mondo la scio pri tiuj ĉi valoroj, ke en ĉiuj mondpartoj iom post iom povu esti starigitaj instruejoj laŭ la sistemo de Jaques-Dalcroze kaj ke per tio la homaro reakiru iom de la harmonio perdita en la rapidegeco de la ĉiutaga vivo. Ĉar tiu, malgraŭ ĉiuj aliaj praktikaj bonaĵoj, ŝajnas al mi unu el la ĉefaj celoj, al kies atingo helpos la metodo Jaques-Dalcroze!

*Johannes Karsch* (Del. Dresden).

---

## Praula loĝejo

Dum 1913 Leipzig fariĝos grandmezura scenejo de arkitektura ekspozicio. En tiu ĉi ekspozicio, kiu havos lokon en apud la Königsplatz staranta fama „Grassi-a domo“, kies direktoro estas la fama Afriko-vojaĝanto D-ro Karl Weule, li prezentos ankaŭ loĝejon de praulo j. Por tiu ĉi celo la „Völkermuseum“ pretigas nun malgrandigitan kopion de plej praa loĝejo. Kiel modelon elektis Weule la „Kesslerloch“-on apud Thayngen kaj la „Schweizersbild“-on apud Schaffhausen.

Propre la „Kesslerloch“ estas potenca kaverno, kiu havas du enirejojn. Ĝi tute ŝirmis kontraŭ ĉiuj malagrablaĵoj de l'vetero sian loĝinton. „Schweizersbild“ estas potenca ŝtonego, kliniĝanta suden, sub ĝia tegmento sidadis la praulo j kaj de ĝia supraĵo ili spionis per siaj aglo-okuloj rangiferojn.[1]) La „Schweizersbild“ estas karakteriza ekzemplo de elstarantaj ŝtonegoj, sub kies ŝirmon . povis rifuĝi la nomadaj praulo j de la homaro. Tiujn ĉi ŝtonego-plafonojn la arkeologia scienco nomas „Abris-sous-roches“.

El antaŭhistoriaj tempoj por ni konservitaj ambaŭ kolonioj, kiujn citas ĉiuj monografioj pri praulo j kaj glaci periodo, troviĝas en kantono Schaffhausen (Svislando). Kesslerloch-on eltrovis *K. Merk* dum 1874, Schweizersbild-on D-ro *J. Nuesch* en 1891. Iliaj trovaĵoj siatempe mirigis la sciencajn rondojn de la tuta mondo. Eĉ hodiaŭ, jaron post jaro havas milojn kaj milojn da vizitantoj la iama loĝejo de niaj praulo j. La antropologoj kaj antikvistoj lastfoje, dum sia internacia kongreso en Ĝenevo, rigardadis ankaŭ la trovitajn objektojn de Kesslerloch kaj Schweizersbild, gardataĵn en la muzeo de Zürich, vizitinte ankaŭ la mondfamajn trovejojn. D-ro Cartailhac, profesoro en Toulouse, plejfundamenta konanto de la praŝtona periodo de l'franca lando diras, ke tiuj ĉi praŝtonperiodaj desegnoj kaj skulptaĵoj estas plejbelaj, plejparolantaj memoraĵoj de l'paleolitiko: de la pli malnova ŝtonperiodo. La kaverno de Kesslerloch donis al ni la plejriĉan kaptaĵon, konservitan el la tiel nomata periodo „Magdalenien“. La tie trovita desegno figuras paŝtiĝantan rangiferon, plue vulpon kaj urson, dum sur ambaŭ platoj de l'kalkŝtona plataĵo de Schweizersbild la praulo desegnis sovaĝazenon, sovaĝan ĉevalon kaj mamuton. Tiuj ĉi desegnoj estas — laŭdire — senegalaj en la mondo. Ili estas multe pli belaj ol la prapentraĵoj, trovitaj en la francaj praŝtonperiodaj kavernoj t. e. la „freskoj“ montrantaj praan rangifero-ĉasiston, kvankam la ĉizitaj mamutfiguro, la rangifero de l'kaverno de Cambarelles, la ĉizita rangifero de La Mouthe, aŭ la ĉizita — sur nigra fundo per okro[1]) pripentrita uro de Font-de-Gaume, montras belege la artan kapablecon de tiuj niaj praulo j.

Kiel bele kaj utile estus, se kune kun la ŝtonperiodaj (paleolito) loĝejmodeloj en la Leipzig-a *internacia* arkitektura ekspozicio, ni hungaroj povus ankaŭ prezenti la hungarlandan loĝejon de la diluviaj homoj — la kavernon de Szeleta,[2]) almenaŭ plimalgrandigite tiun praulan loĝejon, por kies serĉado inspiris la akra okulo de nia *Otto Herman*. Du el niaj eminentaj fakuloj klopodis fervorege ĉe l'laboro. D-ro *Karlo Papp*, sekcia geologo de l'hungarreĝa geologia instituto, fiksis per certa mano stratigrafion de l'Bükk-a montaro, dum D-ro *Otokar Kadić* komencis traserĉi la kavernojn. Otto Herman konigis en sciencaj fakrondoj kaj per sciencaj revuoj la paleolitajn fajroŝtonajn ilojn de l'praulo de Hungarlando, kiuj kaŭzis ĝeneralan miron ankaŭ en la Tübingen'a paleetnologia konferenco antaŭ kelkaj monatoj.

Plejeminentaj fako-scienculoj, kiel D-ro *Robert Forrer*, redaktoro de „Reallexikon“, *Jozefo Szombathy*, hungara en Wien loĝanta prahistoriisto kaj regnestra konsilanto de la kortega muzeo, *Jozefo Bayer*, la scienculo de la diluvia periodo kaj D-ro *Rob. Rud. Schmidt*, la Tübingen'a arkeolo, laŭdegis la hungaran scion, persistecon kaj oferemon.

La kopio de la Szeleta-a kaverno havus indan lokon en la praŝtonperioda grupo de l'*internacia* arkitektura ekspozicio. Tie ni povus prezenti la hungaran sistemon de l'kavernoesplorado, ĉie konsiderata kiel ĝusta.

D-ro *Samuelo Lasz*.

El *„Pesti Hirlap“*. Trad. *Jeno Forster*.

[1] Cervo, nun dombesto de l'plej nordaj regionoj (germane „Renntier“). *(Rim. de l'trad.)*

[1] Flava kolorilo. *(Rim. de l'trad.)*

[2] En la Bükk-a montaro. *(Rim. de l'trad.)*

---

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Vollständiges Lehrbuch der internationalen Hilfssprache Esperanto,** von Dr. *A. Möbusz.* — Prezo: Sm. 0.47.

**Schlüssel zum vollständigen Lehrbuch.** — Prezo: Sm. 0.37. Otto Nemnick Verlag, Leipzig 1913.

Ŝajnas al mi (ĉu mi estas malindulgema?), ke la fingroj de unu mano sufiĉus por nombri la vere bonajn Esperantajn lernolibrojn. Mi ne povas ilin nome montri: mi havigus al mi tro da malamikoj! Sed ĉiu kompetentulo povas starigi, laŭ sia persona ŝato, la mallongegan liston. Mi volonte alskribus al ĝi la novan lernolibron de D-ro Möbusz. Malfacile estos verki studilon pli klare presitan, pli metode ordigitan, pli plene Esperantan.

La lernolibro (100-paĝa) konsistas el 15 lecionoj. Ĉiu leciono estas iom ŝarĝita je materialo, sed oni povas, se bezone, ĝin duigi. Jen ekzemple la konsisto de la XIa leciono: 1e dialogeto (kun apuda germana teksto) pri *vizito en magazeno;* 2e vortfarado: sufiksoj *ist, an, ul, estr;* 3e gramatiko: adverboj kaj duontabelo de la simplaj vortoj; 4e unua vortareto kaj vizito „al bazaro"; 5e dua vortareto kaj „domkonstruado"; 6e letero pri la ĉekbanko (p. 58).

En aliaj lecionoj mi legas leterojn pri spesmilo (p. 66, p. 72) kaj pri utiligo de Esperanto (fakaj asocioj, korespondado, adresaroj, interŝanĝo, UEA).

Sur la paĝo 81 estas 17-linia resumo de la esperanta gramatiko; sekvas la fundamenta gramatiko kaj „la Espero" de D-ro Zamenhof. En fina aldono estas du gravegaj tekstoj: 1e la fama letero pri la deveno de Esperanto; 2e artikolo de S-ro Hodler pri la utiligo de Esperanto. Per konkretaj ekzemploj S-ro Hodler montras kiel Esperanto estas jam nun utila por vojaĝoj, vojaĝantaj sinjorinoj, studado en fremdlanda universitato, turismo, ĉiuspecaj informoj k.t.p. La verko finiĝas per listo de lernolibroj, literaturaĵoj, revuoj kaj societoj. Tiel la studantoj lernas samtempe — kaj tio estas bonega — Esperanton kaj Esperantismon.

Mi tamen trovis unu mankon: forgeso de kelkaj bonegaj revuoj: ekz. Lingvo Internacia, la Ondo de Esperanto; kaj unu malmankon: la nefundamenta nur scienca sufikso *oz,* kies utilo en lernolibro estas duba.

La verko estas kompletigita per 48-paĝa ŝlosilo aŭ korektilo, dank'al kiu la tuta verko estas rekomendebla ne nur por germanaj lernantoj, sed ankaŭ por negermanoj, eklernantaj la germanan lingvon.

* * *

*Ch. Wagner.* **Estu homo!** el la franca lingvo, trad. *Sam. Meyer,* Paris. Presa societo. Prezo: Sm. 0. 50.

Nia bone konata samideano S. Meyer estis ĝis nun tradukinta teatraĵojn (Avarulo, la Supujo, la Barbiro de Sevilla), humorecan babilaĵon (Vojaĝo interne de mia ĉambro) kaj romanon (Karmen). En la ĵusnomitaj tradukoj disvolviĝas facila stilo, tra kies diafaneco plene aperas la pensoj de la originalo. Kvankam tre malsimila estas la temo de la verko laste elektita de la lerta tradukisto, tamen la leganto plezure en ĝi retrovos liajn kutimajn lingvan klasikecon kaj stilan travideblecon, kiuj mirinde harmoniiĝas kun la klara, eleganta, iom florornamita stilo de S-o Ch. Wagner.

La verko „Estu homo!" celas instrui junulojn, eĉ infanojn, pri la moralo. Ĝi konsistas el 19 ĉapitroj; jen la titoloj de kelkaj: Dio; la homo en socio; estu verama! respektu la vivon! Vin defendu; sed ne venĝu! Estu laborema! Ripozu! — Tiujn konsilojn S-ro. W. ne donas laŭ abstrakta, filozofia maniero: poeziaj komparoj, trafaj ekzemploj, taŭgaj rakontetoj ĉiupaĝe, ĉiuparagrafe atentigas, allogas, ĉarmas la leganton.

Multaj ĉapitroj estus citindaj. Sed la sekvanta eltiraĵo sufiĉe vidigos la stilmildecon de la originalo kaj de la traduko:

En kelkaj amasoj de senokupuloj oni diras pri viro aŭ virino: ili bezonas labori por vivi, kaj pro tio oni malpli estimas ilin. Ĉu esti devigata labori estas signo de malsupera klaso? Pri tio, jen mia opinio: Mi tiel alte ŝatas la laboron, ke mi admiras ĝin eĉ ĉe la besto, kaj mi ne povas toleri la senokupadon ĉe mia similulo aŭ ĉe mi mem. Kiam iafoje mi ripozas, kio tamen estas tre rajta, se mi pasas apud azeno tiranta ĉareton, mi trovas ĝin multe pli interesa ol mi, kaj, en mi mem, mi diras: „Diligenta azeneto, mi ŝuldas al vi saluton, ĉar vi penadas kaj mi ripozas." Infanoj miaj, kredu al mi, tio estas vereca parolo; estas bone, ke vi enskribu ĝin en via memoro: „Laboranta azeno estas majestulo, kompare kun homo, kiu nenion faras." (p. 71.)

* * *

**Tacoma** (la urbo kun neĝkovrita monto ĉe ĝia pordo); formato: 27 × 21 cm. Prezo (ne montrita).

„Por konsentigi la multajn Esperantistojn, kiuj de post nia alpreno de Esperanto montris tiel grandan intereson pri urbo Takomo, ni aldonas la jenajn paĝojn en la internacia lingvo, kun la espero, ke ĉi-tiu nova libreto vekos ankoraŭ pli da intereso inter niaj transmaraj legantoj."

Tiu luksa priskribaĵo de la urbo Takoma, ilustrita per belegaj kolorbildoj, estas verkita en angla lingvo. Sed oni algluis esperantan 4-paĝan tekston, en kiu bonstile estas prezentataj la bildoj. Al tiu gvidlibro mi deziras ankoraŭ pli grandan sukceson. „Por pluaj informoj skribu en Esperanto al la jena adreso: Esperanto, commercial Club, Tacoma (Wash.) Usono.

* * *

**La Patrinoj,** rakonto de *Avetis Aĥaronjan,* trad. D-ro *Andreo Fiŝer.* Bucarest 1912. Prezo: Sm. 0. 10.

D-ro A. Fiŝer senlace daŭrigas la serion de siaj bonegaj tradukoj. Li prezentas al ni verketon de S-ro Avetis Aĥaronjan, unu el plej ŝatataj nuntempaj armenaj literaturistoj. Tiu ĉi rakonto estas „trapenetrita per motivoj de senfina malĝojo pri malfeliĉa sorto de subpremegita nacio."

Rimarkitaj esprimoj: ofta uzo de la sufiksoj ad, ek verbigitaj, adis stari, ekis preĝi — flueregis (fluis per gutegoj), flueras, fluer-etas — pogute flueras la sango — plue al ŝi ŝajniĝas, ke (ŝajnas?) — li dividas kun bestoj loĝujon.

* * *

**Dr. Zamenhofs Tabelle der Formwörter,** de Rektor *W. Velten.* — Dresden, Ader & Borel, Esperanto-Verlag. — Prezo: 0.250 Sm.

Rektoro W. Velten eldonis tre utilan lernolibron, kiu multe helpos al la instruantoj de Esperanto por la bona kaj facila lernado kaj praktiko de la 45 simplaj vortoj iu, io, ia k. t. p.

La verko konsistas el 634 frazetoj, t. e. meznombre po 14 ĝis 18 ekzemploj por ĉiu vorto. Komprenueble, multaj estas la pro verboj:

Kiu timas la morton, perdis la vivon.
Plej bone ridas, kiu ridas la lasta.
Tiu ne meritas la vinon, kiu ĝin trinkas kiel akvon.
Nur tiu ne eraras, kiu neniam ion faras.
Propran ĝibon neniu vidas.
Amo faras ion, mono ĉion.
Klopodi pri ĉies favoro, estas pleje malsaĝa laboro.
Enviu nenies feliĉon.
Kiu postulas ĉiom, ofte atingas neniom k. t. p.

Ĉar la verketo estas dukolone presita kaj ĉiuj frazoj estas germane tradukitaj, tiu lernolibro povas utili al ĉiuj Esperantistoj, kiuj lernas la germanan lingvon.

* * *

**Tri Angloj alilande,** de *John Merchant,* ĉe „La Espero", Lynette Avenue, Clapham Common, London, S. W. — Prezo, afrankite, unu ŝilingo (Sm. 0. 50).

Se vi deziras legi, sidante sur monto, herbejo aŭ marbordo, ne profundajn cerborompajn pensojn, sed nur bonhumoran senpretendan rakonton, mendu la aventurojn de Tri Angloj alilande, romaneto originale verkita en Esperanto.

Tom Brown, 38-jara junulo, kiu perdis multajn iluziojn kaj preskaŭ ĉiujn harojn, luis ĉambrojn ĉe juna vidvino, kiu ruze klopodas por edziniĝi kun li. Por forsaviĝi el ŝiaj kaptiloj, Brown subite forvojaĝas alilanden kun du amikoj Robinson kaj Morris.

Brown ekstudis Esperanton, Robinson balbutaĉas la francan, Morris la germanan. Multaj kaj amuzaj estas la ĉiuspecaj vojaĝaj akcidentoj, el kiuj Brown, dank'al Esperanto, savas sin kaj ambaŭ amikojn. Tre ŝercemaj, ankaŭ tre enflamiĝemaj estas tiuj tri anglaj malflegmaj sinjoroj, kiuj facilanime enamiĝas je multaj renkontitaj knabinoj... sed vi legos mem la 91-paĝan rakonton kaj vidos, kiel la malfeliĉa (ĉu malfeliĉa?) Tom Brown forsaltis el la rostilo nur por fali en la paton.

Krom kelkaj 20 anglaj dirmanieroj kaj du ĝis tri eraretoj (havigi anstataŭ havigi al si, pp. 8, 23; Gand (Grand) p. 56; li (la) p. 94), la stilo kaj presado estas tre korektaj, kio ne mirigos vin, kara leganto, kiam vi ekscios, ke gesinjoroj Paul Blaise zorge korektis la manuskripton.

* * *

**Aliaj ricevitaj verkoj:**

**Esperanto-Literatur (Katalogo).** *Ader kaj Borel, Esperanto-Verlag,* Dresden-A. I, Struvestrasse 40 (40-paĝa).

* * *

*Edmond Privat,* **Karlo,** kun antaŭparolo de Marie Hankel, 15a milo (5a eldono). Univ. esp. librejo, 10, rue de la Bourse, Genève. Prezo: Sm. 0. 20.

*Verto.*

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

De W. v. GOETHE

Trad. *P. Usinger*

Li serĉis multe en siaj paperoj vespere, disŝiris multon kaj ĵetis ĝin en la fornon, sigelis kelkajn pakojn kun adresoj al Vilhelmo. Li enhavis malgrandajn verketojn, skizitajn pensojn, el kiuj mi aŭdis kelkajn; kaj post kiam li postmetigis fajron kaj donigis al si botelon da vino, li forsendis la serviston, kies ĉambro same kiel la dormoĉambroj de la gemastroj estis je la malantaŭa flanko; tiu kuŝiĝis vestita por esti frue preta, ĉar lia sinjoro diris, ke la poŝtaj ĉevaloj venos antaŭ la sesa.

Post la dekunua.

„Ĉio estas tiel silenta ĉirkaŭ mi kaj tiel trankvila en mia animo. Mi dankas vin, Dio, kiu donacis al tiuj ĉi lastaj momentoj tiun ĉi varmecon, tiun ĉi forton.

Mi ekstaras antaŭ la fenestro, plej kara, kaj vidas, kaj vidas ankoraŭ tra la rapidantaj, preterflugantaj nuboj kelkajn stelojn de la eterna ĉielo! Ne, vi ne falos! La eternulo vin portas ĉe sia koro kaj min! Mi vidas la timonajn stelojn de la veturilo [1], de la plej kara el ĉiuj stelgrupoj. Kiam nokte forirante de vi mi eliĝis el via pordo, ĝi staris kontraŭ mi. Kun kia ebrieco mi ofte rigardis ĝin! Ofte kun levitaj manoj faris ĝin signo, sankta simbolo de mia estanta feliĉeco kaj plue. — Ho Ĥanjo, kio ne memorigas min! kaj ĉu mi ne kaptis same kiel infano malmodereme ĉiaspecajn malgravaĵojn, kiujn vi sanktulino tuŝis!

Kara silueto! Mi retestamentas ĝin al vi, Ĥanjo, kaj petas vin estimi ĝin. Mil, mil kisojn mi premis sur ĝin, mil salutojn sendis al ĝi, elirante aŭ revenante hejmen.

Mi petis vian patron per folieto, ke li ŝirmu mian kadavron. En la tombejo estas du tiliarboj, malantaŭe al la kampo; tie mi deziras ripozi. Li povas fari kaj certe faros ĝin por sia amiko. Petu lin ankaŭ vi. Mi ne volas postuli de piaj kristanoj, ke ili metu sian korpon apud mizeran malfeliĉulon. Ha, mi dezirus, ke vi enterigu min ĉe la vojo aŭ en soleca valo, ke pastroj kaj levitoj antaŭ la signita ŝtono benante preteriru kaj la samaritano ploru larmon.

Jen, Ĥanjo! Mi ne tremas prenante la malvarman teruran kalikon, el kiu mi trinkos la ĝojegon de la morto! Vi prezentas ĝin al mi kaj mi ne hezitas. Ĉion! ĉion! Tiel ĉiuj deziroj kaj esperoj de mia vivo estas plenumitaj! Tiel sensente, tiel rigide frapi la pordon feran de la morto.

Ke mi estus povinta havi la feliĉon morti pro *vi!* Ĥanjo por *vi* oferi min! Mi mortus kuraĝe, mi mortus ĝoje, se mi povus refari al vi la trankvilecon, la ĝojon de via vivo. Sed ha! Tio estis donata nur al malmultaj nobluloj, verŝi sian sangon por la siaj kaj per sia morto rebruligi novan centoblan vivon al siaj amikoj!

En tiuj ĉi vestoj, Ĥanjo, mi volas esti entombigata, vi tuŝis, sanktigis ilin: mi petis ankaŭ vian patron pri ĝi. Mia animo flugpendas super la ĉerko. Oni ne traserĉos miajn poŝojn. Tiu ĉi ruĝeta banto, kiun vi havis ĉe la brusto, kiam mi unuafoje trovis vin inter viaj infanoj. — Ho kisu ilin milfoje kaj rakontu al ili la sorton de ilia malfeliĉa amiko. La karuloj! ili svarmas ĉirkaŭ mi. Ha, kiel mi aliĝis al vi! de la unua momento ne plu povis lasi vin! — Tiu ĉi banto estos entombigata kun mi. Je mia naskiĝtago vi donacis ĝin al mi! Kiel mi ĝuis ĉi ĉion! — Ha mi ne pensis, ke la vojo kondukos min tie ĉi! — — Estu trankvila! mi petas vin, estu trankvila!

Ili estas ŝargitaj — Sonas la dekdua! Do estu! — Ĥanjo! Ĥanjo! adiaŭ! fartu bone!"

* * *

Najbaro vidis la eklumon de la pulvo kaj aŭdis la pafon; sed ĉar ĉio restis silenta, li ne plu atentis pri ĝi.

Matene je la sesa la servisto eniras kun la kandelo. Li trovas sian sinjoron sur la tero, la pistolon kaj sangon. Li vokas, li tuŝas lin; neniu respondo, li nur stertoris. Li kuras al kuracistoj, al Alberto. Ĥanjo aŭdas la sonorileton tiratan, tremado atakas ĉiujn ŝiajn membrojn. Ŝi vekas sian edzon, ili ellitiĝas, la servisto ploregan'e kaj balbutante alportas la sciigon, Ĥanjo svenante falas teren antaŭ Alberto.

Kiam la kuracisto venis al la malfeliĉulo, li trovis lin sur la planko nesavebla, la pulso batis, la membroj estis ĉiuj paralizitaj. Super la dekstra okulo li pafis sin en la kapon, la cerbo estis elpuŝita. Oni superflue sangellasis ĉe la brako, la sango fluis, li ankoraŭ spiris.

Je la sango sur la apogilo de la seĝo oni povis konjekti, ke sidante antaŭ la skribotablo li plenumis la faron, tiam li falis malsupren, konvulsie ruliĝis ĉirkaŭ la seĝo. Li kuŝis kontraŭ la fenestro, malfortigita, sur la dorso, estis komplete vestita, kun botoj, en blua frako kun flava veŝto.

La domo, la najbaroj, la urbo ekestis en tumulto. Alberto eniris. Wertheron oni estis metinta sur la liton, kun la frunto bandaĝita; lia vizaĝo jam estis tia de mortinto, li movis nenian membron. La pulmo stertoris terure, jen malforte jen pli forte; oni atendis lian morton.

De la vino li trinkis nur unu glason. — La dramo „Emilia Galotti [1]" kuŝis malfermita sur la tablo.

Pri la konsterno de Alberto, pri la ĉagreno de Ĥanjo lasu min silenti.

La maljuna prefekto je tiu ĉi sciigo venis rajdante, li kisis la mortanton kun la plej varmegaj larmoj. Liaj plej aĝaj filoj piede venis baldaŭ post li, ili sin ĵetis teren apud la lito en la esprimo de la plej senmezura doloro, kisis liajn manojn kaj buŝon, kaj la plej aĝa, kiun li ĉiam pleje amis, kisadis lin ĝis li estis mortinta, kaj oni fortiris la knabon perforte. Tagmeze li mortis. La ĉeesto de la prefekto kaj liaj aranĝoj, malhelpis amasiĝon. Nokte je la dekunua li enterigis lin en la loko, kiun li elektis. La maljunulo sekvis la kadavron kaj la filoj, Alberto ne povis. Oni timis pri la vivo de Ĥanjo. Metiistoj lin portis. Neniu pastro lin akompanis.

Fino.

[1] La stelaro ursa major. Rim. de la trad.

[1] Verko de *G. E. Lessing.* Rim. de la trad.

## KRONIKO

**Novaj kursoj.** — *Aückland* (Nova Zelando). — Nova kurso komenciĝis ĉe YMCA (asocio de kristanaj junuloj). Instruas S-ro J. S. Russell. — J. R.

**Novaj grupoj.** — *Wellington* (Nova Zelando). — Fondiĝis nova grupo kun 55 anoj. — J. R.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Tutsveda Esperantotago.* — Ĝi okazis de la 5 ĝis la 7 julio. Kvankam la nombro de la partoprenintoj ne estis granda, la festo fariĝis vera sukceso. La malfermo de la ekspozicio, kiu estis la plej ampleksa ĝis nun montrita en Svedujo, okazis la 5 julio. La 6 matene la kongresanoj kolektiĝis en la kunvenejo, kie S-ro Wahlund, en la nomo de Gefle'a klubo, salutis la fremdajn partoprenantojn. Post komuna matenmanĝo okazis la kunsido de SEF. La posttagmezo estis dediĉata al ekskurso al Furuvik, kie oni pasigis agrablajn horojn. La 6 julio okazis la laboraj kunsidoj, kiuj daŭris ĝis la vespero. Oni poste kunvenis en la restoracio Stromdalen por la adiaŭa festo, kie oni komune vespermanĝis kaj kie estis prezentitaj muziko, kanto kaj unu teatraĵo, kiu multe amuzis la ĉeestantojn.

*Barcelona* (Hispan.). — La 20 julio okazis festeno en la restoracio „Rabassalet", organizita de la grupo „Paco kaj Amo" por solenigi la datrevenon de la apero de la unua libro de Esperanto. Ĝi tre bone sukcesis. — A. P.

*Boston* (Usono). — La ĉiujara kunveno de EANA okazis la 19 julio. Oni elektis la jenajn oficistojn: P.: H. W. Fisher, Pert Amboy; VP.: D-ro D. O. S. Lowell, Boston; S. kaj K.: D-ro C. H. Fessenden, Newton Centre; ag. kom.: D-ro Fessenden, E. F. Dow, West Newton, W. H. Huse, Manchester. Kiel venontan kongresurbon oni elektis Chicago. Al la Bern'a Kongreso oni sendis du reprezentantojn. — C. H. F.

*Chemnitz* (German.). — La unuiĝo de junaj geesperantistoj aranĝis la 20 julio, kun sia estimata instruisto S-ro Hahn, ekskurson al Dresden kaj la Saksa Svisujo; la ekskurso tre bone sukcesis, kaj la ekskursintoj estis plej bone gastigitaj de la Dresden'aj samideanoj. — E. D.

*Plauen i. V.* (German.). — La Vogtlanda unuiĝo aranĝos la 6 septembro distriktan kunvenon en la bela kaj fame konata reĝa banloko Bad Elster, kiu estas facile atingebla de Eger, Hof kaj Plauen i. V. La nomita unuiĝo enhavas krom kelkaj aliaj societoj la de la jaro 1907 ekzistantan Plaŭen'an grupon kaj celas fondi esp. societojn en ĉiuj urboj kaj aligi ilin al pli grandaj ligoj kaj asocioj. La unuiĝo invitas ĉiujn esperantistojn, por kiuj tio estas ebla, viziti Bad Elster kaj helpi la plibeligon kaj la sukceson de la kunveno. — H. G.

**Paroladoj.** — *Barcelona* (Hispan.). — La 29 julio ĉe la Centro de komizoj estas prezentitaj, antaŭ 200 personoj, lumbildoj pri Berno, klarigitaj de S-ro inglada. Poste oni disdonis propagandilojn. — Estas rimarkinde, ke en la kurso pri angla lingvo de l'Centro de Komizoj la solaj tri premioj estas gajnitaj de la tri solaj Esperantistoj, kiuj partoprenis la kurson. Jen pruvo, ke Esp. faciligas la lernadon de fremdaj lingvoj. — A. P.

*Barcelona* (Hispan.). — La 26 junio okazis esp. parolado de S-ro F. Pujula pri Berno en Enciklopedia Ateneo. Poste oni prezentis lumbildojn de tiu kongresurbo, klarigitajn de S-ro J. Rosalo. — A. P.

## DIVERSAĴOJ

.·. *Esperanto kaj turismo.* — La „Verkehrsverein" en Düsseldorf eldonis ilustritan gvidlibron de *Düsseldorf* kun Esperanta resumo. Oni ĝin petu de la „Verkehrsverein" (Graf-Adolfstr. 91). La Esp. grupo klopodas, ke gvidlibro de Düsseldorf estu eldonota tute en Esperanto. Oni helpos al tiu rezultato mendante la unuan gvidlibron.

.·. *Esperantista ekspedicio al Laplando.* — En *Esperanto* de 20 majo aperis alvoko pri Esperantista esplorvojaĝo al Laplando. La unua parto de la ekspedicio forlasis Stockholm la 19 junio kaj vojaĝis unue al Dalarne por tie pasigi la mezsomeron. Estis naŭ Esperantistoj reprezentantaj ses diversajn naciojn, nome Rusujo, Germanujo, Anglujo, Francujo, Italujo kaj Danujo. Tiun parton gvidas geologo Friedrich Herbst. La alia parto gvidata de artisto Wilhelm Herbst estos baldaŭ preta vojaĝi al Haparanda. Ankaŭ al tiu taĉmento la aliĝoj pli kaj pli amasiĝas. Venis ekzemple per velocipedo al Stockholm juna germana samideano, S-ro Aug. Autun. Li vojaĝis per sia ciklo de *Konstantinoplo* ĝis Stockholm tra Bukarest, Breslaŭ, k. t. p. por partopreni en la ekspedicio. Bela sporta prezentado!

Tiu esplorvojaĝo al la nordo estas tre favore priparolata en la sveda gazetaro.

.·. *Esperanto kaj ekspozicioj.* — Kiel oni scias, la Internacia Ekspozicio pri Maraferoj, Mara Higieno kaj Itala Elmontro kolonia, en Ĝenova (1914) aliĝis kiel Esperantia Entrepreno kaj eldonis Esperantan programon. D-ro Stromboli, kiel membro de la komisiono por la starigado de komitatoj en Italujo kaj eksterlande sendigis preskaŭ 200 leterojn al la Del. de UEA kaj konataj Esperantistoj. Alvenis jam favoraj respondoj el 70 urboj. Rimarkinde estas, ke en kelkaj urboj la Del. sukcesis samtempe interesi siajn samurbanojn al la Ekspozicio kaj al Esperanto. Tiamaniere oni povis fari duoblan kaj seriozan propagandon. Tre atentinda estas la sukceso de S-ro Laureano de Topia, Tellez (Del. Cordoba), kiu sukcesis starigi komitaton, kies Prezidanto estas la urbestro. Ŝatinte tiujn rezultatojn la komitato ankoraŭ eldonos 100.000 kartojn kaj 200.000 markojn en Esperanto.

.·. *Esperantista ekspozicio.* — La Esperantista ekspozicio en Kněževes (Bohemujo), kiun aranĝis la Esp. Klubo en Rakovnik, havis grandegan moralan eĉ financan sukceson. Ĉirkaŭ 1000 personoj vizitis la ekspozicion, eĉ multaj Esperantistoj el tuta ĉirkaŭaĵo. Krom riĉa kolekto de esperantaĵoj, tiu ekspozicio havis multege da diversaj objektoj, kiel silkaĵoj, silkbildoj, k.t.p. El 2500 poŝtkartoj estis farita labirinto, kiu plaĉis al ĉiu. Sekve de tio, nova kurso malfermiĝos. — K.

## TRA LA GAZETARO

.·. *Lingvo Internacia* (julio). *Esperanto kiel tradukilo:*

„. . . Kiam ni tradukas, ni ĉiam devas repensi la tradukotan tekston en Esperanto; se ne, se nia traduko estas nur laŭvorta esperantigo de l' originalaĵo, ĝi fariĝas tute ne komprenebla internacie. Ke la repensado estos diversa laŭ la lingvo de l' tradukota teksto, tio ne estas duba kaj ankaŭ ne riproĉinda: bone estas, ke la esperantiĝo konservu ian nacian karakteron, ian nacian nuancon, sed nur nuancon, kaj ankaŭ nur en la stila movado, ĉar la vortaro mem devas resti la sama, kiu ajn estas la tradukota teksto. . . . . Inter ĉiuj lingvoj, Esperanto estas certe la plej oportuna tradukilo, ĉar ĝi estas, laŭ sia konstruo mem, mirinde proksima al ĉiuj aparte; sed ĝi havas tamen, *kiel ĉiu vivanta lingvo,* sian specialan inter-

nacian genion, — kondiĉon de *vivo*, — kiun ni ĉiuj, Slavoj, Germanoj aŭ Latinoj, devas severe respekti."

.·. *Amerika Esperantisto* (julio). *Letero el Eŭropo* (Edmond Privat):

„... Nia dudeksesjara historio montras, ke unueco ĉiam kreskis kun internacia uzado. De kongreso al kongreso oni povis konstati, kiel pli unuforme kaj samakcente parolas la delegitoj. Ju pli da uzo, des pli da unueco. Kio estas vera por la elparolado, tio estas simile vera por la stilo. Facile estas konstati, ke iom post iom kreiĝis granda unueco de stilo en nia literaturo. Kvankam estas ja vasta libereco kaj plena ebleco, ke ĉiu aŭtoro montru sian propran personan skribmanieron, tamen estas observinde, ke ekzistas ĝenerala kutima esperanta stilo, kiun oni akiras per legado de nia gazeta kaj libra literaturo. Kiu ankoraŭ ne akiris tiun „spiriton de la lingvo", laŭ la esprimo de D-ro Zamenhof mem, tiu skribas en maniero al ni pezŝajna kaj neagrabla."

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Allgemeine Zeitung für Chemnitz* (6 julio); *Zwickauer Tageblatt und Anzeiger* (6 julio); *Rhein- und Ruhrzeitung*, Duisburg (10 julio); *Gummersbacher Zeitung* (2 kaj 22 julio); *Oberbergischer Anzeiger*, Engelskirchen (16 junio); *Staatsbürger Zeitung*, Berlin (3 aŭgusto); *L'Ouest*, Angers (7 julio); *L'Eclaireur*, Condé (13 julio); *Badezeitung und Anzeiger*, Norderney (13 julio); *Czas*, Kraków (13 julio); *Tygodnik Mieszczanski*, Kraków (20 julio); *Evenimentul*, Jaŝi (20 junio); *The Warwick Argus* (17 junio); *Telephone Register*, McMinnville (1 julio); *A Uniao Social*, Rio de Janeiro (n-ro 9); *Voskresnaja veĉernjaja gazeta*, Peterburg (27 julio).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 18.000 |
| 77. G. Douglas Buchanan, Glasgow . . . . . . . . . | 125 |
| Frankoj | 18.125 |

Entute (ĝis la 5 aŭgusto) 77 Garantiantoj mendintaj 145 atestojn, valoro 18.125 frankoj (7250 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Komitato de UEA.** — Per sia lasta rondiranta kajero la Komitato alprenis la jenajn decidojn:

1. Ĝi resendis al la Komisiono pri revizio de la Statuto proponon pri la rajto de la membroj rilate al la uzado de la Esperantiaj servoj.
2. Ĝi decidis okazigi novan Delegit-balotadon en Lyon sub la kontrolado de la Distrikta Delegito. En tiu baloto partoprenos ĉiuj membroj pagintaj la kotizaĵon de 1913 ĝis la 1 julio.
3. Ĝi unuanime malakceptis proponon de S-ro Peyraud pri kreo de nova kategorio de membroj pagantaj kotizaĵon da Fr. 6 kaj senpage ricevantaj la oficialan organon de UEA.
4. Ĝi principe akceptis proponon de la C. O. de UEA pri kreo de posteno de vojaĝisto-propagandisto.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 31 julio 1913 estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 5757 kotizaĵoj (el kiuj 143 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 403; Laborista Fako: 22; Virina Fako: 54; Studenta Fako: 36.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondaĵoj en la C. O. de UEA dum julio 1913:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1014 | 2662 | 119 |

Tuta sumo: 3795. Antaŭa monato: 2231. Antaŭa jaro (sama monato): 3238.

**Kvara Kongreso de UEA.** — Jen la definitiva programo de la kvara Kongreso de UEA:

**Lundo 25 aŭgusto**

3 h. ptm. *Solena malfermo de la Kongreso.*
Parolado de la Prezidanto de UEA.
Salutparolado de S-ro J. Schmid (Organiza Komitato).
Parolado de S-ro Hector Hodler, Direktoro de UEA, pri:

*Kiel nun staras UEA?*

Parolado de S-ro Edmond Privat, komitatano de UEA pri:

*La nuna tasko de Esperantismo*

**Mardo 26 aŭgusto**

$10^1/_4$ h. mat. *Labora kunveno.*
Raporto pri la agado de UEA dum 1912/13 (H. Hodler).
Financa raporto (Ed. Stettler).

**Merkredo 27 aŭgusto**

$10^1/_4$ h. mat. *Labora kunveno.*
Raporto pri la Interŝanĝa Fako (M. Lévy).
Raporto pri la Studenta Fako (J. Mareŝ).
UEA kaj neesperantistoj (R. Perez).
Pri Esperanto-diplomoj (Th. Rousseau).

**Vendredo 29 aŭgusto**

$10^1/_4$ h. mat. *Labora kunveno.*
UEA kaj ŝovinismo (Th. Rousseau).
Universala poŝtmarko (A. Behrendt).
Loko de la venonta Kongreso.
Diversaĵoj.

### Financoj.

*Konteltiro de UEA por la monato julio 1913:*

| | Enspezoj Fr. | | Elspezoj Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 369. 80 | Oficejo | 61. 75 |
| Entreprenoj | 20. — | Salajroj | 410. — |
| Jarlibro | 46. 60 | Korespondado | 150. — |
| Adm. Enspezoj | 15. 45 | Jarlibro | 12. 25 |
| | | Materialo | 30. 90 |
| | | Oficiala Organo | 96. — |
| | | Adm. Elspezoj | 52. 85 |
| | Fr. 451. 85 | | Fr. 813. 75 |
| Saldo | „ 361. 90 | | |
| | Fr. 813. 75 | | Fr. 813. 75 |

### Novaj Delegitoj.

*Belleville* (Usono, Illinois). — D.: Keime, 23 West Maine str.
*Ellerslie* (Nov-Zelando, Auckland). — D.: John Woodward, Matai Rd.
*Firminy* (Francujo, Haute-Loire). — VD.: J. M. Limouzin.

*Gainesville* (Usono, Florida). — D.: F-ino E. Esther Owen, Southland Seminary.

*Hillyard* (Usono, Washington). — D.: R. W. Mason

*Leigh* (Anglujo, Lancashire). — D.: Vincent T. Middlehurst, Crankwood Rd.

*Orizaba* (Meksikujo, Ver.). — D.: Vikt. Robres, „El Fenix".

*Toronto* (Kanado). — D.: P. O. Simson, Box 32 I.

*St. Ives* (Anglujo, Cornwall). — D.: Daniel Jenkyn, 3 Bowling Green.

*Warrington* (Anglujo, Lancashire). — VD.: E. G. Parsonage, 14 Bewsey Rd.

### Ŝanĝoj.

*Cours* (Francujo, Rhône). — D.: Charles Durand, rue des écoles.

*Libau* (Rusujo, Kurland). — D.: Jozefo Kaplan, Postfach 16.

*Philadelphia* (Usono, Pennsylvania). — D.: Henry W. Hetzel, West Phila. High School for Boys.

*Vladivostok* (Siberio). — D.: A. Pagirev, Krepostnoj kontrol.

### Rimarko.

La Delegito de Graz forestas ĝis komenco de oktobro, oni sin turnu al S-ro Karlo Bartl, Esp. Oficejo, Schonaugasse 6/II.

### Eksiĝoj.

*Bayreuth* (D: Kurz); *Kilmarnock* (D.: Craig); *Mount Albert* (D.: Woodward); *Peŝtera* (D.: Daskalov); *Rocroi* (D.: Héripret).

# Esperantia Parolejo

## Esperantiaj tagmanĝoj

Ĉiujaŭde je 12 h. 1/4 okazas en Parizo Esperantia tagmanĝo en la restoracio „Esperance", 85, Avenue de la Grande Armée. Oni skribas al ni, ke la sukceso de tiuj tagmanĝoj ĉiam pligrandiĝas. Lastan jaŭdon ĉeestis unu usona samideano, du anglinoj, unu anglo kaj provincaj samideanoj. Esperantianoj trapasontaj Parizon ne forgesu la jaŭdon je 12 h. 1/4. La Del. de UEA ĉiam ĉeestas.

## Oni proponas!

.·. S-ro *L. Augustin*, Esp-iano en Belostok, proponas, ke en ĉiuj universitataj gvidfolioj nepre estu montritaj ĉiuj fakultatoj de la universitato kaj la daŭro de lernado en ĉiu fakultato.

.·. S-ro *Schwaiger*, Del. en Königsberg, proponas la imitindan ekzemplon de S-ro Greff, Del. en Elbing: „Se oni vizitas tiun urbeton, oni ekvidas jam el distanco grandan verdan flagon kun stelo, kiu staras en la ĝardeno, je granda alteco. Oni rimarkas ĉe la dompordo grandan emaljan ŝildon kun surskribo „Universala Esperanto-Asocio"; similan ŝildon oni vidas ĉe la dompordo de la kontoro de la firmo H. Schröter, mondkonata laktejo, sur ties komercleterpapero estas oficiale presita: „Korespondado en Esperanto". La firmo korespondas nur en germana kaj Esperanta lingvoj. Kiel najbara Del. estas mia devo laŭdi la fervoron de nia amiko Greff."

## Oni laŭdas!

.·. S-ino *Goodliffe*, Esp-ianino en Letchworth (Anglujo), dankas S-ron Camescasse, F-inon Gérard, Del. kaj Subdel. en Parizo, kaj S-ron Delanoue, Del. en Chateau-Thierry, pro la helpo kaj afablaj akceptoj dum vizito en Parizo kaj plezurega ekskurso al Chateau-Thierry.

.·. S-ro *Salomono Joffe*, Del. en Libau, korege dankas la Del. en Varsovio, pro tre afabla akcepto kaj memvola gravega helpo al li.

.·. S-ro *H. W. Hetzel*, Del. en Philadelphia, kore dankas al S-roj Petian (Del. Gent), Baire (Del. Boulogne sur Mer), D-ro Sos (Del. Wien), Reni (Del. Verona), Souchay (Konsulo, Paris), Bauer (Innsbruck) kaj Ludvik (Milevsko) pro ilia helpo por aĉeti kelkajn objektojn el iliaj respektivaj urboj.

.·. S-ro *L. Crébely*, Del. en Moulin-Rouge, dankas S-ron Schmid, Del. en Bern, kaj S-ron Hildebrandt, Del. en Thun, pro afabla akcepto dum vojaĝo. Li ankaŭ dankas S-ron Grillon, Del. en Colmar, pro sciigoj pri germanaj doganimpostoj, kaj S-ron Evrot, Del. en Chambéry, pro diversaj sciigoj pri hoteloj.

.·. S-ro *A. Tyl*, Esp-iano en Prostejov, sincere dankas al S-ro Jenö Forster, Vicdel. en Budapest, por utila servo per kiu li plifaciligis heredaĵaferon. Tio estas denove la pruvo de bona organizo kaj utileco de UEA".

.·. S-ro *J. Krestanof*, Esp-iano el Bulgarujo, esprimas sian koran dankon al S-ro Dejean, Del. en Le Creusot kaj S-ro D-ro Diard pro ilia granda afableco.

.·. S-ro *S. Stejskal*, Esperantiano kaj studento de bohema universitato en Praha, esprimas sinceran dankon al S-ro Perret, Del. en Neuchâtel, por liaj oferemaj servoj kaj speciala afableco, per kiu li agrabligis al li unumonatan restadon en Neuchâtel.

## Esperanto Oficejoj

*Kiew*. — S-ro L. Illaŝeviĉ, Del., anoncas, ke li havas kiel Del. propran oficejon de UEA, laŭ kies adreso li petas sendi ĉiun korespondaĵon rilatan al UEA. Adreso; Kuzneĉnaja 69, kv. M. Kiperman (por Delegito).

*Bruselo*. — Interesa novaĵo por la ĉiulandaj Esperantistoj, kiuj vizitas Bruselon. De kelkaj monatoj funkcias en Bruselo oficiala Oficejo, kiu liveras al ĉiuj fremduloj kaj senpage ĉiujn sciigojn, kiujn ili povas deziri. Ĉar kelkfoje jam okazis, ke samideanoj sin turnis al tiu Oficejo, ni petis kaj akiris la permeson afiŝigi en ĝi ĉiujn sciigojn utilajn kaj baldaŭ ankaŭ la ĉefoficisto parolos nian lingvon. Ni varme konsilas al ĉiuj samideanoj vizitontaj Bruselon sin turni al la Oficejo. Ĝi kuŝas 19 Passage du Nord, en la centro de la urbo kaj estas malfermata ĉiutage krom Dimanĉe de 8½ h ĝis 12 h. kaj de 2 h. ĝis 6½ h. vesp.

# Alvokoj

## Pri aŭtomobilaj karosoj

Kiel inĝeniero tre konata, en fakaj rondoj pro siaj konstruaĵoj, mi estas okupata skribi libron: *„La aŭtomobilkaroso;* dek jaroj da propra sperto en karoskonstruisto k. t. p.", kiu estos eldonata en germana, franca kaj angla lingvoj. Kun Francujo, Anglujo kaj Norda Ameriko mi jam posedas bonajn interrilatojn pro miaj propraj konatoj samfakanaj. Sed estus dezirinde, ke ankaŭ el aliaj landoj mi povu enmeti kelkajn kliŝojn. Kompreneble estus, ke mi enpresus noton kiel: akirita *per peresperantaj* interrilatoj. Sed ĉiuokaze mi mem devas elekti, ĉu konvenas aŭ ne. Prespretaj kliŝoj estus preferindaj. Sed antaŭe oni sendu bildon al la aŭtoro: *Oskar Bergmann*, inĝeniero, *Bautzen-Strehla*, Saksujo.

## Al tutmondaj arkitektoj

Dissemataj sur la tuta terglobo la esperantistaj arkitektoj ne povas eble, ĝis nun, formi gravan asocion, sed ili estas tamen sufiĉe multnombraj por eltiri veran profiton de sia grupiĝo. Kiam ili estas devigataj ekzercadi sian profesion eksterlande; kiam ili deziras trovi laboristojn aŭ helpantojn; kiam ili bezonas sciigojn pri iu nacia arto, informojn pri tiu aŭ alia konstruada metodo, aŭ kiam ili volas kolekti aron da presaĵoj, desegnaĵoj, fotografaĵoj pri iu speciala urbo aŭ monumento, en multaj okazoj do, ili estus feliĉaj havi fidindajn kaj samprofesiajn korespondantojn en ĉiuj partoj de la mondo, unu minimume po lando, ni do intencas kunvoki tiujn, kiujn interesas nia propono al privata kunveno en Bern por eventuala fondado de societo de *arkitektoj, inĝenieroj*

kaj ĉiumanieraj *konstruantoj* esperantistaj. Aliĝo estas senpaga: nura kondiĉo estas aliĝo al UEA. Bonvolu vin konigi al ni, estimataj kolegoj kaj karaj samideanoj. Unueco donas fortecon. La provizoraj sekretarioj: D. A. Agache, Ark. D.P.L.G., 11, Rue Eugène-Flachat, Paris; M. Génermont, Ark. E.D.B.A., Place de la République, Moulins-sur-Allier (Francujo).

## Ekspozicio de Gubernia Zemstvo en Kostromo

En Kostromo, antikva rusa urbo, estas malfermita Ekpozicio de Gubernia Zemstvo sur bordo de Volga. Gi daŭros dum la tuta navigada sezono. Por Kostromaj esperantistoj havas signifon la fakto, ke ili ricevis loketon en la Kultur-Kleriga Pavilono de l'ekspozicio. Tie estas starigita ŝildŝranketo, kun esperantaĵoj por elmontro kaj vendado. Ĉe ĝi dume deĵoras la nova prezidanto de K.S.E., S-ro Zalesski, helpsekretario de Kostroma Gubernia Tribunalo.

En tiuj ĉi tagoj la Ekspozicion vizitis traveture S-ro Saĥarov, posedanto de „Librejo Esperanto“ en Mosvo. Sed ĝenerale alilokaj esperantistoj preskaŭ tute ne vizitis ankoraŭ Kostromon, kaj ĝi suferas pro izoliĝo.

Bele lokita sur Volga, je 10 horoj per fervoja veturado de Moskvo, tiu ĉi antikva urbo estas gravega centro de linindustrio kaj teksfabrikoj. Najbare de la Ekspozicio, borde de Volga kuŝas tre pentrinda Tatara antaŭurbo kun pinaro. La nova mulao ĵus venis el Kazano kun sciigo, ke lia samnaciano Amirĥan presigis tie lernolibron de Esperanto en la tatara lingvo. La tre klerema mulao komencis studi Esperanton.

Estus tre dezirinde, ke esperantistoj tuj dum la alloga saniga vaporŝipa sezono vizitu Kostromon kaj aliajn Volgajn urbojn, por veturi poste kun la Moskva karavano de UEA Kievon al Tutrusa Kongreso Esperantista.

Ĉiu esperantaĵo — reklamo k. s., sendota por la Ekspozicio estos tre bonvena. Oni bonvolu sendi laŭ jena adreso:

S-ro *Zalesski*, Vystavka Zemstva, *Kostromo* (Ruslando).

## Peto

La Trafika Sindikato en Essen-Ruhr (Verkehrs-Verein) intencas eldoni gvidlibron tra Essen redaktitan tute en Esperanto, sed dubas, ĉu Esperanto jam sufiĉe disvastiĝis, por riski la kostojn de tia eldono. Mi petas ĉiujn Esperantistojn, sendi kelkajn aprobajn liniojn aŭ, se eble, Esperantan gvidlibron de sia urbo al la prezidanto de „Verkehrs-Verein“ Essen-Ruhr, S-ro D-ro Janssen. Kun antaŭa danko, *F. Pillath* (Del. Essen).

## Monumento al la memoro de William T. Stead Gastodomo en Londono por laborantaj virinoj

La amikoj de la mortinta S-ro W. T. Stead — eble la plej konata kaj internacie amata el la viktimoj de la *„Titanic“* ŝippereo — forte deziras memorigi lian sindoneman laboron. Ili do opinias, ke la plej taŭga monumento al tiu nobla viro, kiu ĉiam batalis por plibonigi la staton de la virinoj, estos provizi en la urbo Londono gastodomon, kie malriĉaj laborantinoj povos ricevi loĝejon kaj nutradon je kiel eble plej malaltaj prezoj.

Tiucele oni starigis komitaton sub la alta patronado de la patrinreĝino Alexandra. Por efektivigi la diritan entreprenon, la komitato kolektas mondonacojn po unu ŝilingo, sub la nomo de „la ŝilingo de la virinoj“; kaj tiu kaso estas ekplenigita de la reĝino Alexandra mem per donaco de du mil ŝilingoj. (Unu ŝilingo mem Sm. 0, 50.)

Sciiĝinte pri la afero, S-ro L. L. Zamenhof skribis:

„La entrepreno, kiu celas honori la memoron de Stead ne bezonas mian rekomendon, ĉar la nomo de Stead kaj liaj meritoj estas tre bone konataj de ĉiu esperantisto. Mi esperas ke ĉiu gazeto esperantista tre volonte publikigos vian alvokon.“

Ĉiuj donacoj estu sendataj al:

*Brita Esperanto-Asocio,*
133 High Holborn, *London S.W.*

## Kiamaniere varbi industrian firmon por Esperanto?

Multaj eble opinias, ke tio estas malfacila afero, sed mi spertis, ke tute ne. Do, mi rakontos, kiamaniere mi ĝin faris kaj tiel ankaŭ havis sukceson. Industria firmo iam sendis al la banko, en kiu mi laboras, prezaron kun komercaĵspecimeno (plata poŝtranĉilo). Mi rondirigis ĝin kaj ricevis 20 mendojn. Mendante, mi aldonis kelkajn liniojn en Esperanto, rekomendante Esperanton kiel helpilon por tutmonde vendi la komercaĵojn. La firmo sendis la menditajn objektojn, sed — silentis; sendante la monon, mi denove ripetis mian rekomendon de Esperanto en nacia lingvo kaj kunsendis kelkajn Esperantiajn prezarojn de gravaj firmoj. Baldaŭ venis letero en kiu la firmo skribis, ke ĝi treege simpatias kun mia propono kaj min petis sendi en diversajn landojn specimentranĉilojn. Mi ĝin faris, ricevis ankaŭ diversajn mendojn, la firmo estis konvinkita, tuj donis al mi sian prezaron por traduki kaj nuntempe ĝin sendos al ĉiuj delegitoj de UEA kaj al Esperantiaj grupoj. Estas nun ĉe ni Esperantistoj, montri al la firmo la fruktojn de ĝia ago kaj mendi aŭ rekomendi la firmon. Almenaŭ postulu tuj la prezaron. Vidu la anoncon en la hodiaŭa gazeto! Se ni unu firmon post la alia tiamaniere gajnos, baldaŭ nia Esperanto estos vere la komerca lingvo.

*Walter Ranft*,
Gneisenaustrato 4,
Dresden.

# REKLAMO

### KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *bildflanko*.

AIDIN (Azia Turkujo). — S-ro C. Caratza, poste restante, PI., PM.

AIDIN (Azia Turkujo). — S-ro Georges B. Tarladjis, PI., PM.

AIDIN (Azia Turkujo). — F-ino Marie Lisbonna, PM., PK.

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, PI., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

CHOLET (Francujo, Maine-et-Loire). — S-ino A. Lelarge, rue Salbérie, PI., bfl. (deziras belajn interesajn tipojn).

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI., PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DORPAT (Rusujo, Liflando). — S-ro H. Kajak, Botanika str. 14, PI., L.

DRESDEN (Germanujo, Saksujo). — S-ro Albert Vogel, Wormserstrasse 53/II, Dresden A. 19, PI.

DUESSELDORF (Germanujo, Rheinpr.). — S-ro W. Schneider, Lindenstr. 47/II, Düsseldorf 117 (kun ĉiuj landoj).

ECKERNFÖRDE (Germanujo, Holstein). — S-ro J. Erichsen, Fischerstrasse 12, p., PI., bfl.

ECKERNFÖRDE (Germanujo, Holstein). — S-ro B. Röhl, Gæthjestrasse (kun fraŭlinoj).

FELSOPULYA (Hungarujo). — S-ro Nikolo Braun, juĝa oficisto, PI.

FEUERBACH (Germanujo, Virtembergo). — F-ino E. Glaser, Sedanstr. 38, bfl. (kun ĉiuj landoj).

GENÇAY (Francujo, Vienne). — S-ro André Papillon, PM., PK.

HIRVENSALMI (Finnlando). — S-ro literaturisto Kasperi Tanttu, L., PK., PI. (kun ĉiuj landoj).

LEOBEN (Aŭstrio, Stirio). — S-ro Pirker Georg, presejo Prosl, PI., PM. (kun ĉiuj landoj krom Aŭstrio).

NOVY ETINK U JMDRICHOVA HRADEC (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Karel Semotan, oficisto, PI.

OREL (Rusujo). — S-ro Ŝestakov, gimnazio Nedbal (ĉiam respondas).

OREL (Rusujo). — F-ino Popel, 575/II, poste restante.

OZENAY (Francujo). — S-ro Louis Dubois, 20-jara, PI.

PONTARLIER (Francujo, Doubs). — S-ro Emile Vauchy, instruisto, 87, Grande Rue, PK., L. (kun ĉiuj landoj, precipe kun fraŭlinoj).

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Odillo Pinto, 2-a Secção da Contabilidade dos Telegraphos.

SAMOPOMOŜĈ (Rusujo, Peterburga gub.). — S-ro A. Ogloblin, PK

SEVILLA (Hispanujo) — S-ro Joaquin Machuca, strato Encina 10. medicina studento, PM., PI., bfl. (kun ĉiuj landoj).

SMYRNA (Azia Turkujo). — S-ro Demetrius Joannides, Deutsche Post, PK., PM. (kun ĉiuj landoj).

SMYRNA (Azia Turkujo). — S-ro Michel Stylianpoulo, chemin de fer Smyrna-Cassaba, PK., PM. (kun ĉiuj landoj).

STADE (Germanujo, Hannover). — S-ro G. Bendix, Höckerstr. 25, PM. (france kaj Esperante).

TALICKIJ ZINO (Rusujo, Uralo). — S-ro Alekso Vjatkin, studento (post la 20 aŭgusto en Jalto, Rusujo, Krimeo, poste restante) (sendas vidaĵojn de iu ajn parto de Rusujo).

URAGH (Germanujo, Virtembergo). — S-ro H. Greiner, Holzstrasse 1, bfl.

VLADIVOSTOK (Siberio). — S-ro revizoro Aleksandro Pagirev, Krepostnoj Kontrol (Citadela Kontrolo) PI. (kun ĉiuj landoj).

WIEN (Aŭstrio). — S-ro Josef Jaroŝ, lernanto en kvina klaso de lernejo „Komensky", Wien III/2, Hornesgasse 24a, pordo 4a, PI., PM., gazetojn.

ZGIERZ (Rusujo, Polujo). — S-ino Helena Knapska, PI., PM (kun ĉiuj landoj; sendas rusajn jubileajn PM.).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ATENTU! — S-ro Georg Davidov, Rusujo, Saratov, Poŝtkesto 12, aĉetas fotografaĵojn de Esperantistaj Societoj, grupoj, kongresoj, kunvenoj, ekspozicioj, ekskursoj, ĉu apartaj fotografaĵoj, ĉu eltranĉitaj el gazetoj, ĉu faritaj de amatoroj. Volu fari proponojn. Ankaŭ li kolektas sigelmarkojn kaj gazetojn esperantajn.

ATENTU FILATELISTOJ! — Por unu internacia respondkupono mi sendas 20 diversajn rusajn jubileajn poŝtmarkojn. A. Karusar, Narva, Rusujo, Joaĥimstalo 181-3.

BRODAĴO, SILKAĴO, ŜALOJ kaj ĉio rilate al virina vestiĝo. Vigla agento mem pagas vojaĝkostojn, posedante gravan pograndistan klientaron en tuta Anglujo, deziras ankoraŭ kelkajn komisiajn reprezentadojn por fabrikistoj de supraj artikoloj. Ĉeestos naŭan kongreson, kie povas aranĝi intervjuon. Applebaum, Mayville Road, Liverpool.

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTIO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Francujo.

FILATELISTOJ. — La novajn poŝtmarkojn de Turka Balkano sendas por 8 kuponoj S. G., poste restante Aidin, Turkujo.

FILATELISTOJ. — 500 poŝtmarkoj de Balkana Oriento, tre altvaloraj, malsamaj, antikvaj kaj novaj, por fr. 6. 50. S. Guéron, Aidin, Turkujo.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

GRAVA PETO. — S-roj Delegitoj kaj aliaj, bonvole, por montri la ekonomian valoron de UEA, instigu entreprenojn (fabrikojn, muelejojn k. t. p.), kiuj eble bezonus kaj dezirus svedajn, vere unuaklasajn, jam mondfamajn motorojn (por krud-oleo), konfidenciplene por informoj sin turni, germane, france, angle aŭ esperante al S-ro A. Rosenberg, Svanhals, Svedujo.

JUNA KOMERCISTO deziras konatiĝi kun fraŭlino por *edziĝi*. Oni skribu al la Delegito de UEA en Eckernforde, S-ro H. Brunstamp, Fischerstr. 12. Aldonita fotografaĵo estos resendita en okazo de nekonveno.

KONSTANTA ESPERANTO-EKPOZICIETO en vilao „D-ro Zamenhof", Kladno, aĉetas ĉiujn esperantaĵojn, malnovajn gazetojn, librojn, nacilingvajn kaj stenografiajn lernolibrojn de Esp.; pentraĵojn (naciaj moroj, festoj, kostumoj k. t. p.). Proponoj al I. Esp. klubo, „D-ro Zamenhof", Kladno 983, Bohemujo. Kontoj: Ĉekbanko Esperantista, Industria Banko, Kladno.

PENSIONO GUTENBRÜNNEN. — Stacio Kaufdorf ĉe Bern rekomendas sin al la kongresvizitantoj. Trankvile lokita 700 m super la maro. De Bern 40 minutoj fervoja veturado. Linio Bern-Belp-Thun. Prezoj de Fr. 5—10 (Sd. 2—4) po tago. Oni parolas france, angle kaj germane. — H. Zehnder-Mützenberg, posedanto.

WEINBÖHLA. — Ĝardenurbo de Dresden. Agrabla loĝado. Esperantaj prospektoj haveblaj ĉe Magistrata domo (Rathaus), instruisto A. Sohrmann, Kronprinzenst. 5.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO